FALSA NUMERO DE LA
KONGRESA KURIERO
DE LA 73-A UNIVERSALA
KONGRESO DE ESPERANTO

# ŜERCO

## ROTERDAMO EN RETROSPEKTIVO

Rekorde [illegible] prezidanto, grandiozaj financaj trukoj, manko de revizorado, eskapaj respondoj de la ĝenerala direktoro, retorikaj demandoj, kaosa diskuto. Jen kelkaj el la eblaj konkludoj de la diskuto pri la entrara raporto 1987, dum la unua ĝenerala kunsido. Baŭe malpligrandiĝanta nombro de ĉeestantoj solvis tiun nistaran programon. Spektaklaj kolorŝanĝiĝoj en la vizaĝoj de kelkaj estraranoj ravis la atentan publikon, kiam demandoj estis starigitaj. Instituto Hodler '68 ricevis dum 1988 pli da atento ol iam antaŭe en sia historio. En ĝi oni libertempis, eksprezis, ekspedis, spezis, kvitancis, fakturis, notis, kontoltiris, protokolis, komputis, nombradis ĝojante, ke oni finfine uzas tiujn [illegible] libre [illegible] vortojn.

Intertempe ĉe Ar Weldmann, reprezentanto de la junularo, surmetinte veteran ĉapelon rajdade perdiĝis en la Nederlandaj ebenoj por vane serĉi alternativan renkontejon ekster la estrarano de TEJO. Tie li trovis nur eks-kunsanojn: la [illegible] vid bla junulo restis Silvia Pilger, kiu dum la Nacia Vespero, por ne senti sin sola, vestis sin per robo, kiu igis ŝin dekdvin jarojn pli aĝa. Kvankam tio ne sufiĉis por preterpasi la aĝlimon de TEJO, ŝi tamen sukcesis alterniĝi inter monstraj estaĵoj kun enormaj piedoj kaj longegaj manoj, jus vojaĝintaj per SFEROJ el la ekstera spaco por festi la kaduk-jariĝon de UEA helpe de komputilaj tradukmaŝinoj kaj hungar-akcentaj parolsintezilo j. Same nekomprenebla parolsintezilo estis uzita por dubli la necenzuritajn scenojn de la filmo Mefisto: dum ĝia projekciado oni ne povis malambiguigi, ĉu la laŭtaj ronkadaj bruoj apartenas al la son-trako, ĉu ili venas de la publiko.

Multaj tre interesaj programeroj okazis samtempe, kaj oni povis admiri la mirindan jongloskapoblon de ties gvidantoj, kiuj sukcesis lamrapide transportiĝi de unu salono al la alia por roli en la diversaj lokoj. Fine de la kongreso oni akceptis rezolucion, en kiu oni substrekas la neceson organizi elementan kurson de Esperanto por Akademianoj, enkonduki balonenblovan alkohol-teston por prelegantoj dum IKU, rapide forgesi pri tiu ĉi kongreso kaj la ĉie svarmaj karaj gekulegoj. Ankaŭ fine de la kongreso la lastaj amasloĝejanoj sukcesis trovi sian brankardon kaj la roterdamaj esperantistoj sukcesis reenveni siajn apartamentojn, kie gastoj el diversaj mondopartoj tavoliĝis ĝis plena ŝtopiĝo de la ĉambroj. Amikoj el Afriko reiris en Afrikon kaj la normala vivo reprenis sian fluon, ĉar fakte nenio grava estis okazinta.

## N O V A J   A L I Ĝ O J

11237.CASTRO, S-ro Komandanto Fidel, adreso ĉe LKK de la 75a UK.
11238.JARUZELSKI, S-ro S-lo Wojciech, adreso ĉe LKK de la 72a UK.
11239.SPRINGSTEEN, S-ro Bruce, bandofako de LP-Koop, Svislando.
11240.MUSO, S-ro Miĉjo, adreso ĉe Musurba Oficejo de UEA.
11241.AKA, S-ro Domiano, Urba Frenezulejo, Beulogarb, Kanadjo.
11242.JACKSON, S-ro Michael, bandofako de LP-Koop, Hongkongo.
11243.JACKSON, S-rino Judith, sama adreso.
11244.SERCZEDZ, F-ino Malzorgata, ul. Malbelega, Viršovo, Pollando.
11245.MUSO, S-ino Minjo, sama adreso kiel 11240 (la edzo ŝatas ŝin dungigi ankaŭ ŝin).
11246.TROWISEDZ, S-ino Hunzorgata, rue des Cocus, Parizo, Francio.
11247.QPWQ, S-ro Taabnul, Tria Kanalo maldekstre, Marso.
11248.SKEDZIN, F-ino Memzorgata, Anyway Street, Novjorko, Usono.
11249.NEMERE, S-ro István, Naŭa Kanalo Maldekstre, Marso.
11250.ELAFRIKO, S-ro Amiko, adreson petu de S-ro H.Bakker.
11251.UBANGO, S-ro Utango, adreson petu prefere de la grupo "Kajto".
11252.ILBRA, S-ro Rady, Radiofonia kanalo n-ro 777, Marso.
11253.TURING, S-ro Alan, salono Wüster, DLP, Kongresejo.

## D E M E N T O J

Ni dementas, ke dum la malfermo estas uzata la diktiagro de H.Tonkin. Fakte temas pri la sinsekvo de la projekto.

Ni dementas, ke S-ino Eckhout, la dancistino de la Nacia (?) Vespero, [illegible] striptizos en salono Lapenna.

Ni dementas, ke salono Lapenna estos la necesejo.

Ni dementas, ke d-ro Ulrich Lins intervjuiĝis de Radio Varsovio sen porti kravaton.

Ni dementas, ke d-ro H.Tonkin baldaŭ fariĝos profesoro brita (ili estas maloftaj

Ni dementas, ke nova komputila programo en la CO draste malpliigos la nombron de duoblaj literoj en la jarlibro 1989 (-51).

Ni dementas, ke la ino sur la malantaŭa kovrilo de la libroserva katalogo [illegible] inkluzivas seniĉkostojn.

Ni dementas, ke la Akademio de Esperanto respondos viajn demandojn.

Ni dementas, ke la buŝan parton de la internacia ekzameno prizorgas dentokuracistoj.

Ni dementas, ke ĉiuj membroj de UEA jam konsentis kunlabori kun la DLT-projekto.

Ni dementas, ke en kongrescentro "De Doelen" okazas la Veterana Kongreseto, dum la UK okazas aliloke.

Ni dementas, ke la filmon Mefisto oni dublis hungarlingven.

Ni dementas, ke la nombro de akuzativaj eraroj dum la Solena Malfermo estis pli grandan ol en la pasintajn jaroj.

## INAŬGURA DILEMO

La salutanto far la Landa Asocio de Usono atentigas, ke dum la pasinta jaro la membraro de lia LA kreskis je 34%, dum la dolaro malkreskis je 16%. La ekonomiistoj, li diris, ankoraŭ esploras ĉu estas rilato inter la du faktoj. Fine de la Jubilea Jaro, substrekis John Wells en sia Festparolado, en la mondo "eksplodis [illegible]". Ĉu niaj teoriistoj esploris ĉu tio iel rilatis kun la Jubileo de la Internacia Lingvo?

## A N O N C O J

D-ro Ulrich Lins subskribos sian novan libron "La danĝera direktoro: persekutado de Esperantistoj en ties hejmoj" vendrede je la 15a horo en la libroservo

Prof. d-ro Jan Knappert estas urĝe serĉata (morta aŭ viva) por fermi la kunsidojn de la Internacia Kongresa Universitato.

Prof. d-ro H.Frank subskribos sian novan kvin-voluman enciklopedion "Bazaj laborprincipoj de AIS". La nemalhavebla verko ampleksas pli ol 5200 paĝojn.

La transdono de Premio Maertens al la lingve plej senifika akademiano estos okazanta nur dum la malfermo de la venontan kongreson en Brightono, Britjo.

La limdato por omaĝiĝi dum la venonta UK estos la 15a de Decembro 1988 (dato de pruvebla definitiva halto de ĉiuj korpofunkcioj). En kazo de via forpaso, bv. ĝustatempe informi pri tio la COn.

Tiuj, kiuj memoras la enhavon de la perdita statuto de Instituto Hodler, bv. alparoli rekte la koncernan instancon, petante sarbolavadon.

ANTAŬNUMERO DE LA
KONGRESA KURIERO
DE LA 73-A UNIVERSALA
KONGRESO DE ESPERANTO

# PREFACO

## Novaj aliĝoj

2113 Scharf, S-ro Franz. Russengasse 16/6/31, A-3106 St. Pölten, Aŭstrio.
2114 Ameye, S-ro Peter. Azalealaan 18, B-9100 Lokeren, Belgio.
2115 Vanck, S-ro José. Rue de Moha, 5, B-5800 Gembloux, Belgio.
2116 Simon, S-ro Allan K., 1339 Hamilton St. N.W., Calgary, Alberta, Kanado T2N 3W8.
2117 Matte, S-ro Guy. 7083 Notre Dame, Orléans, Ontario, Kanado K1C 1J1.
2118 Haltrecht-Matte, S-ino Merle. 7083 Notre Dame, Orléans, Ontario, Kanado K1C 1J1.
2119 Hegemann, D-ro Fritz. Ibener Strasse 27, D-6551 Fürfeld, FR Germanio.
2120 Pierquin, S-ino Camille. 4, rue de l'Eglantier, F-77160 Provins, Francio.
2121 Pierquin, S-ro René. 4, rue de l'Eglantier, F-77160 Provins, Francio.
2122 Cattaneo, S-ro Dante. Via Val di Ledro 23, I-20162 Milano, Italio.
2123 Canfarelli, S-ro Francesco. Via G. Mameli 120, I-37126 Verona, Italio.
2124 Canfarelli, S-ino Maria Grazia. Via G. Mameli 120, I-37126 Verona, Italio.
2125 Delehaye, S-ro Renato, Via Francesco de Mura 23, I-80129 Napoli, Italio.
2126 Pezeshki, Said, Kh. Valiasr, K. Abshar 56, Tehran 14347, Irano.
2127 Ôba, S-ro Atuo. 6-35-20 Honcho, Nakano-ku, Tôkyô, 164 Japanio.
2128 Ôba, S-ino Sigeko. 6-35-20 Honcho, Nakano-ku, Tôkyô, 164 Japanio.
2129 Erwich, S-ino M. Rozenstraat 13, NL-9421 RL Bovensmilde, Nederlando.
2130 Dale, S-ro John T., Jr. 2251 Pimmit Drive 730, Falls Church, Virginia 22043, Usono.
2131 Arciero, F-ino B., 7a Hof Street, Gardens, Cape Town-8001, Sud-Afriko.
2132 Thornton, S-ro G. A. D., 7a Hof Street, Gardens, Cape Town-8001, Sud-Afriko.
2133 Vervaet, S-ro Eric E., Oude Heerweg 288, B-9100 Lokeren, Belgio.
2134 Lamba-Kifoto, Mafulu. 4 Esplanade Maurice Thorez, F-95100 Argenteuil, Francio.
2135 Sackey, S-ro Cameron. P.O. Box 932, Mamprobi-Accra, Ganao.
2136 Borsboom, S-ro Eduard. Ds. Sanderuslaan 20, NL-3732 ET De Bilt, Nederlando.
2137 Surawski, S-ro Marek. Korotyńskiego 21/92, PL-02-123 Warszawa, Pollando.
2138 Natahou, S-ro Benoit. B.P. 06-1855, Cotonou, Benino.
2139 Maluta, S-ro Wina. Popokabaka A/19, B.P. 11.266, Kinshasa I / Kalamu, Zairio.
2140 Chateau, S-ino Micheline. La Tuilerie de Seveux, F-70130 Fresne St. Mamès, Francio.
2141 Pons, S-ino Yvette. Centre Hospitalier, Mail Pierre Charlot, F-41016 Blois, Francio.
2142 Knappert, Prof. Jan. 40 Fitzjohn Avenue, Barnet, Herts., Britio EN5 2HW.
2143 Mulas, S-ino Maria Antonia. Via Loreto 6, I-24100 Bergamo, Italio.
2144 Borovsky, S-ino Cilla. Dinnye u. 5, Budapest XI, Hungario.
2145 Tatajthyi, S-ro Tomas. Diszter 8, H-1014 Budapest, Hungario.
2146 Duyves-Dambuis, S-ino Veronica. Hertshoornweg 2, NL-1861 XD Bergen (NH), Nederlando.
2147 Andersson, S-ro Arne A. E., Kallelid 3021, S-441 96 Alingsas, Svedio.
2148 Kehári, S-ro István. Thälmann u. 31, H-1138 Budapest, Hungario.
2149 Nadas, S-ino Magdolna. Sasfiók u. 2, H-1124 Budapest, Hungario.
2150 Nádas, S-ro Peter. Sasfiók u. 2, H-1124 Budapest, Hungario.
2151 Zsoldos, S-ro László. Somlói út 59/a, H-1117 Budapest, Hungario.
2152 Grilli, S-ro Franco. Via Podgora 12, I-41037 Mirandola, Italio.
2153 Grilli, S-ro Giorgio. Via Podgora 12, I-41037 Mirandola, Italio.
2154 Cheng, S-ro Jong-hoon. CPO kesto 4258, Seoul, Korea Resp.
2155 Kat, S-ro M. J. E., Boliviadreef 88, NL-3563 GM Utrecht, Nederlando.
2156 Wauters, S-ino Hilde. Gentse Steenweg 108, Aalst, Belgio.
2157 Hill, S-ino L. Esslemont House, 30 High Street, New Town, Uckfield, East Sussex, Britio TN22 5DD.
2158 Šolt, S-ro Cvi. Doar-Na Maale-Hagalil, IL-25 130 Gaaton, Israelo.
2159 Hensel, S-ro Moshe. 10 Petaĥ-Tikva-str., IL-58 337 Holon, Israelo.
2160 Tahira, Amiko. Kume-tyô 656, Husimi-ku, Kyôto-si, 612 Japanio.
2161 Tahira, S-ino Masako. Kume-tyô 656, Husimi-ku, Kyôto-si, 612 Japanio.
2162 Sharman, S-ro Frank W. 6 Totland Grove, Chester, Cheshire, Britio CH2 2FY.
2163 Manzi, S-ro Renato. Via Settimio Severo Caruso 25, I-80129 Napoli, Italio.
2164 Swenker-Boersma, S-ino Hanneke. Bottemaheerd 51, NL-9737 NA Groningen, Nederlando.
2165 Swenker, S-ro Johan. Bottemaheerd 51, NL-9737 NA Groningen, Nederlando.
2166 Zanin, S-ro Pierre. Via Ponte Ardo 44, I-32026 Mel (Belluno), Italio.
2167 Rowe, S-ro Charles Edward. 56A Vicars Moor Lane, Winchmore Hill, London, Britio N21 2QH.
2168 Uemura (Rowe), S-ino Naoyo. 56A Vicars Moor Lane, Winchmore Hill, London, Britio N21 2QH.
2169 Haruo, S-ro Akira. p/a Oomoto, Tenon-kyô, Kameoka-si, Kyôto-ku, 621 Japanio.
2170 Mizuno, S-ro Masaburo. p/a Oomoto, Tenon-kyô, Kameoka-si, Kyôto-ku, 621 Japanio.
2171 Kawai, S-ro Tosiyuki. p/a Oomoto, Tenon-kyô, Kameoka-si, Kyôto-ku, 621 Japanio.
2172 Maeuda, S-ro Tacuo. p/a Oomoto, Tenon-kyô, Kameoka-si, Kyôto-ku, 621 Japanio.
2173 Molenaar, S-ro G. B. G. J. Mulderstraat 62a, NL-3027 RJ Rotterdam, Nederlando.
2174 Skorčeva, D-ro Veselina Čehazkova. Bul. "Karl Marks" 36A, BG-9000 Varna, Bulgario.
2175 Wilbert, S-ro Gerhard. Kirchenstr. 2, D-6657 Gersheim 2 - Reinheim, FR Germanio.
2176 Melchers, S-ino Barbara. Lienenstr. 104, D-4000 Düsseldorf 1, FR Germanio.
2177 Vivier, S-ino Raymonde, Route des Pétroles, F-14600 Honfleur, Francio.
2178 Krans-Verdouw, S-ino C. A. v. d. Populierendreef 100, NL-3137 CW Vlaardingen, Nederlando.
2179 Koolhoven, S-ro Wim. Rembrandtlaan 125, NL-7545 ZJ Enschede, Nederlando.

## Prefaco

estas kutime malpli longe ol ĉapitro. Tiu ĉi celas nur anonci al vi la ĉi-jaran kongresan jurnalon, kiu ekde sabato aperos dupaĝe kaj artikolplene. Kaj la nomo? Tio kompreneble estas omaĝo al la CO (Centra Oficejo) de UEA, jam pli ol 30 jarojn en Roterdamo. Tie oni produktas tiun ĉi gazeton — kiu, cetere, povos plene speguli la kongreson nur se kontribuos kaj aktive helpos energiaj kongresanoj. Bonvolu liveri tekstojn kaj anoncojn, kaj eventuale vin mem, al la UEA-oficejo en la kongresejo.

## KIEL VIN DISTROS ROTERDAMO?

La **bazaro** (manĝaĵoj, vestaĵoj, floroj k.a.) okazos marde kaj sabate, en Mariniersweg apud la kub-loĝejoj (n-ro 8 sur la urba mapo en via dokumentujo). En tiu sama regiono vi trovos la urban bibliotekon, kiu enhavas ekspozicion pri Esperanto ĉe la tria etaĝo. Esperantajn librojn vi trovos sur la unua etaĝo. La biblioteko estas malfermita inter 09h kaj 21h de lundo ĝis vendredo. Sabaton vi povos viziti ĝin inter 10h kaj 17h.

Ekspozicion pri mondaj religioj, kun klarigoj ankaŭ en Esperanto, vi trovos en **Laŭrenspreĝejo** (aŭ Granda Preĝejo), proksime de la biblioteko. Ekster la ekumenaj diservo dimanĉon, ĝi estos vizitebla de 10h ĝis 16h mardon, merkredon, vendredon kaj sabaton. Ĵaŭdon la preĝejo estos malfermita de 12h ĝis 14h.

Filatelistoj povos aĉeti, vendi aŭ interŝanĝi kun nederlandanoj poŝtmarkojn dum la **poŝtmarka foiro** mardon kaj sabaton antaŭ Laŭrenspreĝejo.

Lastjare konstruiĝis en **Dr. Zamenhofstraat** kvartala domo. Artisto John Wenda pentris grandan murornamaĵon en la ĝardeno, kun d-ro Zamenhof kaj Esperanto kiel temo. La kvartala domo estos malfermita nur mardon de 10h ĝis 12h (pro ferioj).

De la stacidomo vi povas veturi tra la urbo per **vaportramo**. Bileton vi povas aĉeti en la tramo kontraŭ 3 guldenoj.

En la parko apud la Eŭromasto vi trovos du interesajn aferojn, nome la **norvegan lignan preĝejon** kaj belan **ĝardenparketon**. Petu ĉe la deĵorantino de la norvega preĝejo, ĉu vi rajtas rigardi ĝian internon. La ĝardenparko troviĝas ĉe la rando de la parko kontraŭe al la flanko de la Eŭromasto. Promenante sur la digo tie vi trovos ĝin; ĝi nomiĝas *Schoonoord*.

Meze de la urbocentro altiros vian atenton granda verda konstruaĵo, kiu altas 90 metrojn. Ĝi estas la **Mondu Komerca Centro**, nove konstruita sur la sama loko kie, antaŭ la detruo de Roterdamo en majo 1940, situis la tiama "Borso". Se vi havas antaŭ, dum aŭ post la kongreso iom da libera tempo, vizitu ĝin. Iru al ĝia 23-a etaĝo kaj belega panoramo de la urbo ĝuigos vin.

Nur du semajnojn antaŭ la kongreso, malfermiĝis la pordojn luksega **subtropika naĝejo**. "Tropikana" situas apud la rivero ĉe Maasboulevard 100, maldekstre de la granda urba ponto kaj proksime de la kub-loĝejoj. La allogaĵoj inkluzivas akvoglitejojn, torentejon, varmajn kirlobanejojn ktp. Trihora bileto kostas 11 gld., aŭ 17,50 dum la semajnfinoj. Se vi ŝatas naĝi aŭ ludi en la akvo, nepre rezervu tri horojn de via tempo.

### Internaciaj Ekzamenoj de UEA-ILEI

Dum la UK en Roterdamo (simile kiel dum la UK en Varsovio), okazos la Internaciaj Ekzamenoj de UEA-ILEI laŭ du ekzamenniveloj: elementa ekzameno (EE) kaj meza ekzameno (ME).

La *skribaj* EE kaj ME samtempe okazos *marde* la 26-an de julio en la salono Szerdahelyi.

La *parolaj* EE kaj ME okazos *ĵaŭde* la 28-an de julio.

Jen la detala horaro:

Mardon, la 26-an: 9.00-10.00h, akcepto de aliĝkotizoj en la salono Szerdahelyi; 10.00h, komenco de skribaj ekzamenoj.

Ĵaŭdon, la 28-an: 9.00h, komenco de parolaj ekzamenoj en la salono Szerdahelyi.

La aliĝkotizo por la ekzameno estas 40 guldenoj (aŭ egalvaloro) kaj por EE kaj por ME.

### Cseh-seminario

ATENTON! Cseh-seminarianoj *nepre* ĉeestu lunde (9.00h) la unuan lecionon de la Cseh-kurso por komencantoj.



### Muzea Postkongresa Ekskurso
**30 julio – 2 aŭgusto**

La aŭtobuso, kiu veturos ĉiutage al unu el la famaj nederlandaj muzeoj, ankoraŭ ne estas tute plena.

Sabaton posttagmeze, la 30-an de julio, oni vizitos en Roterdamo la *Muzeon pri Etnografio*. Gvidos s-ino M. Vermaas, iama direktoro de la CO de UEA. Ŝi cetere gvidos ankaŭ la sekvajn tagojn, kiam oni ĝuos en Otterlo la famegan muzeon Kröller-Müller kun ĝia kolekto de pentraĵoj de Vincent van Gogh. Tuj apude troviĝas la tre vizitinda kaj unika Statuparko.

Lundon kaj mardon la pentraĵoj de Frans Hals, Rembrandt kaj pluraj aliaj nederlandaj famuloj estas en la programo.

Petu detalajn informojn ĉe la giĉeto Ekskursoj.

### 4-taga Postkongresa Naturekskurso sur la insulo Texel

Al tiu ekskurso, celita speciale al bird- kaj plantŝatantoj, oni povas ankoraŭ aliĝi. Por nur kelkaj personoj restas hotelĉambro en la centra vilaĝeto de tiu birdoriĉa insulo.

Se vi kapablas ĉiutage bicikli 20-30 km (alia veturilo por transporto ne ekzistas), ŝatas observi amason da birdoj, ĝui la trankvilon de la birdoriĉaj vojetoj, enspiri freŝan aeron, anoncu vin ĉe la giĉeto Ekskursoj.

UNUA NUMERO DE LA
KONGRESA KURIERO
DE LA 73-A UNIVERSALA
KONGRESO DE ESPERANTO

# KOMENCO

## VI TROVOS . . .

. . . vian Kongresan Sakon preskaŭ tiel informplena, kiel estas la Kongresa Libro. Certe tuj utilos al vi la **roterdama prospekto** kaj la informoj pri la **restoracio Engels**. Verŝajne helpos vian planadon la **aliĝiloj** de la UK en Brajtono (1989) kaj de la Pariza Preneza Semajno (1989), dum stimulos vian pli distancan revadon la Unua Bulteno de la havana UK (1990). En diversaj kontraŭaj direktoj tiros vin partituro de la popularaj kantoj **Bonvenon** kaj **Ĉis Revido**, specimena numero de **Literatura Foiro**, alvoko kontribui al **Fonduso Zagreba Metodo**, alvoko kontribui al la porblindula **Agado E3**.

Se vi legas angle, eble kaptos vian atenton la antaŭanonco pri **Interlinguistics: Aspects of the Science of Planned Languages**, projekto kunordigita de la nederlanda firmao BSO. Kaj, se vi *ne* legas nederlande, **Esperanto Vandaag** estas ĝisdata informfolio, kiun vi povas disdoni al scivolemuloj se vi volas partopreni unu el la ĉefaj laboroj de Universala Kongreso: informi pri Esperanto la publikon en la kongresa lando.

### ANONCETOJ

**Radio Rijnmond** (la loka radiostacio en Roterdamo) prizorgas **novaj-elsendojn esperantlingvajn ĉiutage de 18h55 ĝis 19h00.** Ne estas novaĵoj pri la kongreso, sed pri mondaj kaj lokaj aferoj. Prizorgas la elsendon la amsterdama esperantistino Korine Cheizon.

* * *

Ne koleru se vi aŭdas **krokodilaĵojn** dum ĉi tiu UK! *Ne*-esperantistoj povas kaj rajtas partopreni la kongreson kontraŭ 35 gld. tage.

* * *

Eble okazos **televid-elsendo** pri la kongreso, merkredon la 27-an en la elsendo "Nieuwslijn" de la granda nederlanda reto Veronica inter 21h20 kaj 22h10.

* * *

**AVERTO:** Estu atentigita pri la fakto, ke troviĝas multaj ŝtelistoj en la ĉirkaŭaĵo de la stacidomo kaj De Doelen. Ni rekomendas ke, por esti sekura, vi tuj elspezu vian monon en la kongresa Libroservo (kien cetere la ŝtelistoj kredeble ne venos).

### DANKON!

Jen daŭrigo de la listo sur paĝoj 11-13 de la Kongresa Libro, de kongresanoj malavare donacintaj al niaj bonfaraj kasoj.

**Literatura Kaso**

*Britio*
S-ro Bruno Najbaro
S-ro Eric W. McCanlis
S-ro Martyn Hugh McClelland
S-ino Mary Kathleen Najbaro
S-ro William H. Simcock
*Finnlando*
S-ino Heta Kesälä
*Francio*
S-ino Louise Marin
*FR Germanio*
S-ino Elise J. F. Woller
S-ro Heinz Schindler
S-ino Elisabeth Müller
S-ro Rudolf Reisel
Sebastian Sommer
S-ro Werner Heinrich
*Honkongo*
S-ro Siu Hung Ĉu
*Nederlando*
S-ino A. J. Jung-Schroder
S-ino G. J. Rodenhuis-Boll
Ing. Jan van der Marel
S-ino Rie van der Kooij-Waal
S-ro A. P. G. Ploeg
S-ro Willem Grapendaal
*Usono*
Prof. Eugene H. Thompson, Jr.

### PROGRAMŜANĜOJ

**tutsemajne:**
La pupteatraĵo *Dekamerono 8,5*, kiu okazos kvarfoje dum la semajno, translokiĝis al salono Hodler. La unua prezento okazos sabate je 20h00.

**lundo 25:**
La dua parto de la Tago de la Lernejo (14h-16h30) translokiĝis al salono Hodler, dum la samtempa kunsido de Oomoto iris al salono Grabowski.

### VETURADO KAJ SENPAGA DISTRIĜO EN ROTERDAMO

Tiuj, kiuj mendis kaj ricevis **tutsemajnan urboveturan (RET-) bileton**, devus skribi sur ĝi sian nomon en la indikita loko. Bileto, kiu validas por pluraj veturoj per buso, tramo aŭ metroo, estas aĉetebla en la stacidomo (ĉe normala giĉeto): ĝi nomiĝas *strippenkaart* (elparolu *strippenkart*; = "striobileto") kaj kostas 9,65 gld. Detaloj pri ĝia uzo troveblas sur paĝo 9 de la Dua Bulteno.

Se vi ne jam mendis **tuttagan ekskurson** por merkredo, restas ankoraŭ kelkaj lokoj en ĉiuj krom DE5 (al Delft). Rezervu lokon ĉe la giĉeto Ekskursoj.

Se merkrede vi restos en Roterdamo, estas utile scii, ke vi rajtos senpage eniri ĉiujn urbajn muzeojn dum tiu tago. Por **arto** (antikva ĝis moderna) vizitindas la Muzeo Boymans-van Beuningen; por **historio**, la Dubbelde Palmboom (en Delfshaven, atingebla per la metroo aŭ tramlinio 4); por **alilandaj kulturoj** elstaras la Muzeo pri Etnologio kaj pri **maristaj aferoj** la Marista Muzeo Prins Hendrik. Detaloj pri tiuj kaj aliaj vizitindaj lokoj troviĝas en la urba prospekto kun mapo en via dokumentujo.

En la fortre semajnfino de la kongreso okazos **"franca festivalo"** ĉe la malnova haveno apud la kub-loĝejoj. Por tiuj kongresanoj (ekzemple komitatanoj) kiuj restos iom pli longe en la urbo, jen interesa maniero pasigi sabatan vesperon.

Ĉiun dimanĉon de 13h ĝis 17h30 vi povas senpage ĝeesti **subĉielan artprogramon** en la ĝardeno kaj rozoparko malantaŭ la Muzeo Boymans. Temas pri kantoj, muziko kaj teatro.

**Kariljonan** (sonorilan) **koncerton** vi povas aŭdi dimanĉon la 24-an de 10h30 ĝis 11h30 ĉe Laŭrenspreĝejo, lundon la 25-an de 12h00 ĝis 13h00 ĉe Laŭrenspreĝejo aŭ la urbodoma korto, kaj mardon la 26-an de 12h00 ĝis 13h00 ĉe la urbodoma korto.

*Por pliaj distraĵoj en Roterdamo, vidu ĉe Prefaco, la "antaŭnumero" de la Kongresa Kuriero, kiu aperis vendrede.*

### Komenco

Ĝi vere estas, tiu ĉi unua numero de la roterdama Kuriero. Ĝi aperas en tago, kiam eksvarmas en la kongresejo multlanda popolo, kiam ekkreiĝas tiu unika etoso konata al ĉiu esperantisto. Etoso de interkompreno kaj kunagado — kiu ŝvebas ankaŭ en la CO de UEA, kvankam ne sen fojfoja interrompo. Sed ni estas nur homoj — do, bonvolu pacienci dum la unuaj kongresaj tagoj, se io iel iam misas.

Interkoniĝu bone!

## La kongresa programo — Kion spekti, kion partopreni?

Ĉu vi alvenis, registriĝis, trovis vian loĝlokon, ekfoliumis la enhavon de via dokumentujo . . . kaj tuj komencis malorientiĝi en la amasoj da programeroj, informoj, proponoj, konsiloj? Jen tial eta superrigardo pri la fruaj kongresaj aranĝoj, por helpi al vi ne maltrafi ion gravan.

*Ĉiuj kongresanoj* verŝajne ĉeestos la **Solenan Inaŭguron**, dimanĉon de 10h00 ĝis 12h00 en salono Zamenhof. Tiu tradicia kongresa malfermo estos cetere pli interesa kaj movada ol kutime, ĉar ambasadoroj kaj aliaj moŝtuloj venos anstataŭ al la Jubilea Festo en mardo. La **Interkona Vespero**, sabaton vespere en Faulhaber (la centra kongresejа spaco), same estas aranĝo celata al ĉiuj, por helpi al vi hejmiĝi en la kongresa etoso. Kaj hejmiĝon en la kongreslando proponas la **Nacia Arta Vespero**, dimanĉon de 20h00 ĝis 21h00 en salono Zamenhof.

*Pri la kongreslando* temas ankaŭ aliaj aranĝoj: la **Foiro de Nederlandaj Metioj** en la vestiblo dum tuta sabato, la tradicia lingvokurso, **La Nederlanda Ekspreso** (la unuajn tri kongresajn tagojn je diversaj horoj en Isbrücker), kaj serio de kvin **Prinederlandaj Prelegoj**, per kiuj vi povas lerni pri la ŝtata sistemo, popolo, socia helpo, kulturo kaj historio de la Malaltaj Landoj. La prelegoj okazas je 17h00 de dimanĉo ĝis vendredo escepte merkredon, en salono Drees.

Movadaj *aktivuloj* certe volos ĉeesti la **Movadologian Simpozion** en salono Hodler, kiu okazas sabaton de 9h00 ĝis 15h00: Konataj kaj malpli konataj movadanoj prezentas kaj diskutigas ideojn por plibonigi la agadon de UEA kaj la landaj asocioj. La samaj homoj devas partopreni la **Unuan Ĝeneralan Kunsidon de UEA**, dimanĉon de 14h00 ĝis 16h30, kie oni diskutos la agadon de la pasinta (jubilea) jaro. Kaj lunda mateno proponas amaseton da movadaj temoj, de landa agado en salono Drees, tra terminologia kaj faka agado en Szerdahelyi, ĝis eksteraj rilatoj en Isbrücker. Aparte interesaj povus esti la kunsido en Hodler por la **Bjalistoka Centro** (kie la iniciatinto, prezidanto de la pola parlamento Roman Malinowski, ĉeestos por respondi demandojn) kaj la kunveno **Agado en Afriko**, kie eblos rekte paroli kun kelkaj reprezentantoj de tiuj junaj landaj movadoj.

*Kulturamantoj* nepre ne maltrafos la inaŭguran prelegon de la Internacia Kongresa Universitato, dimanĉon je 16h30 en Grabowski: **William Auld** — poeto, redaktoro, kritikisto, edukisto — prezentos sian perspektivon pri la Esperanta poezio el la lastaj du jardekoj. Malfeliĉe samtempas la kunsido de Esperantlingva Verkista Asocio, sed vi havos okazon renkonti famajn aŭtorojn tra la semajno en la Libroservo, kien ili foje venos por subskribi siajn librojn.

Pli da kulturo troviĝas en la komenco de la arta programo. Plej frue debutos **Dekamerono 8,5**, en la unua de siaj kvar prezentoj dum la semajno: sabaton je 20h00, en salono Hodler (kaj ne en Grabowski, kiel indikas la Kongresa Libro). Por ĉeesti tiun multfoje premiitan, erotike spritan verkon, vi bezonas preni senpagan bileton de la giĉeto Arto. Pli verko tute nova al esperantistoj estas adapto de plej malnova: **La neĝa blovado** de Puŝkin, kiu aperis en Esperanto jam antaŭ cent jaroj. Ĝin freŝe prezentos Kazimierz Mazur, popolara pola aktoro, trifoje dum la semajno — unue dimanĉon je 17h00 en salono Lapenna. Plene profesiaj estos tiuj polaj enkondukoj al la semajna artmenuo.

### NEDERLANDO BONVENIGAS VIN PER LIBROJ

| filozofio | biografio | popularscienco |
|---|---|---|
| Erasmo: | Bouhuys: | De Brabandere: |
| *Laŭdo de l' stulteco* | *Anne Frank ne estas de hieraŭ* | *Infoduktoj — nova vorto, nova futuro* |

MALKOVRU ILIN KAJ MULTON PLI ĈE LA LIBROSERVO

# KONGRESA KURIERO, UNUA NUMERO (SABATO-DIMANĈO)

Bleicher-Eldonejo prezentas:

Ulrich Lins

LA DANĜERA LINGVO

mejloŝtona verko pri la historio de Esperanto.

Legiĝas kiel streĉa romano, tiu ĉi pli ol 500-paĝa "studo pri la persekutoj kontraŭ Esperanto". La pacj fruajn komunajuĝojn, la nazian subpremon, la ekstermon en Stalina Sovetunio kaj aliajn politikajn atakojn en Okcidento kaj Oriento ampleksε analizas kaj prilumas la konata germana esperantologo.

Mendu ĉe la Libroservo de UEA, kiu estas la sola distribuanto por 20% por ĉiuj aliaj landoj. Tiuma rabato ekde 10 ekzempleroj.

POKALO "ESPERANTO" ATENDAS VIN!

Restas ankoraŭ kelkaj lokoj ĉe la kongresa **Bankedo**, kiu okazos lundon vespere en luksa tegmenta festsalono de la restoracio Engels. Biletoj 75 gld. ĉe la koncerna giĉeto.

*NEDERLANDO: MUELEJA LANDO*

Okaze de la 73-a Universala Kongreso en Roterdamo aperis traduko de belega broŝuro kun informoj pri nederlandaj muelejoj. Ĝi enhavas 32 paĝojn, riĉe ilustritajn per koloraj bildoj. La eldonado okazis en kunlaboro kun Nederlanda Esperanto-Asocio.

Jam en antikvaj tempoj la homo serĉis fontojn de energio por faciligi sian vivon. Antikva fonto de energio estas la vento.

Ventomuelejoj ne estas nederlanda inventaĵo, tamen en tiu ebena kaj ventoriĉa lando la uzo de la vento por akiri energion atingis tre altan nivelon. Muelejojn oni ne nur uzis por dreni polderojn kaj por mueli grenon, sed ili estas antikva formo de industrio, kies fino venis nur en la komencaj jaroj de la nuna jarcento. En Nederlando ekzistas ankoraŭ ĉ. 1000 muelejoj, kaj ĉiu el ili estas monumento pri antikva tekniko, kiun oni zorgoplene konservas kaj protektas.

La broŝuro ne nur estas bona memorigilo por tiuj, kiuj vizitis Nederlandon, sed eĉ nederlandanoj mem trovos en ĝi interesajn informojn.

Kvankam la mondo kredeble ne urĝe bezonas tion, kiel kromprodukto dum la tradukado kreskis kvinlingva terminaro, en Esperanto kaj la lingvoj angla, franca, germana kaj nederlanda.

*Nederlando, mueleja lando* haveblas ĉe la Libroservo je rabatita kongresa prezo.

JKH

## Pritrakto de la kongresa temo

"Scienco kaj tekniko por internacia kompreniĝo" — Kion tio signifas por ni, esperantistoj? Jen kelkaj pensoj, kiujn eventuale pritraktos diskutrondoj kaj debatoj dum la kongresa semajno:

- En la 60-aj jaroj emfaziĝis, ke la scienco servu al la socio (kaj esperantistoj, de CED ĝis TEJO, samopiniis).
- Oni kvazaŭ demandis, "Kion Reĝo Scienco faru por ni, Liaj humilaj regatoj?"
- La malreĝema hodiaŭo levas novan demandon: "Kiel ni, la publiko, rilatu al la scienco?"
- Akrigas la demandon pruvoj de la kontraŭvivaj kapabloj de scienca progreso.
- Eĉ la spertoj de la Esperanto-movado eble venas kunsiloj por la homa-scienca kunviviĝo.

La programo por tiu pritrakto estas jena:

**dimanĉo 24:**

Solena inaŭguro, dum kiu prof. Otto Haszpra prezentos superrigardan prelegon. Unua Ĝenerala Kunsido: Kadre de la pritrakto de la Estrara Raporto, Probal Daŝgupto donos pluan perspektivon.

**lundo 25:**

Je 14h00 en salono Szerdahelyi kunvenos ĉiuj, kiuj volas diskuti pri la kongresa temo. Mallonga klarigo pri la labormetodo. Disiĝo en kvar laborgrupojn pri diversaj aspektoj. Tiuj grupoj rekunvenos **mardon** kaj **ĵaŭdon**.

**vendredo 29:**

Dua Ĝenerala Kunsido. Resuma prezento de la eldiskutaĵoj.

## Tago de la Lernejo

La Tago de la Lernejo, organizita de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI), komenciĝos lundon je la 9h00 kaj daŭros ĝis 12h00 en la salono Grabowski. La posttagmeza kunsido okazos de 14h00 ĝis 16h30 en la salono Holler. La diskuttemo estos: la ĝustaj formoj de la lerneja politiko koncerne la oficialan enkondukon de Esperanto en lernejojn.

Antaŭtagmeze estos mozaiko de diversaj raportoj pri la evoluo de la Esperanto-instruado (i.a. la nuna intensiva metodika kurso en La Chaux-de-Fonds, la Lerneja Projekto, la realigo de video kasedoj kun modellecionoj, lastaj oficialaj atingoj en Britio kaj GDR, evoluo de Esperanto en Sovetunio, Afriko, Azio, la 22-a ILEI-Konferenco en Kerkrade, la nova estraro de ILEI, demonstraj model-lecionoj, k.a.

Posttagmeze, post enkonduko pri la kadro-temo ĝenerale, diskutgrupoj interŝanĝas ideojn pri la sekvaj subtemoj:

- Strategiaj problemoj kaj agadprincipoj rilate al la ĉeftemo.
- Kie ni komencu? Kiuj regionaj kaj landaj grupoj donas la plej bonajn perspektivojn?
- Kiuj personoj kaj instancoj estos informataj?
- Kiuj informigaj dokumentoj estos prezentataj kaj pro kiuj motivoj? Kion proponi?
- Pedagogia preparado: Kiel trejni la instruistojn, prepari la lernilojn, k.s. antaŭ, dum kaj post la alpaŝo.

En ĉiu grupo estos gvidanto kaj protokolanto. Ĉi-lasta notos la ĉefajn ideojn kaj ilin reraportas poste en la pleno.

## Novaj aliĝoj

2180 Cardle, Ing. Petr. Lidická 941, 252 28 Černošice, Ĉekoslovakio.
2181 Coslovi, S-ino Sofia. Via dei Porta 9, 34141 Trieste, Italio.
2182 Wagemans, S-ro Peter. Doornbosheerd 62, 9737 MR Groningen, Nederlando.
2183 Nxinguí Kanga, S-ro Fregonara Baldas. s/c Pembele José, C.P. 3317, Luanda, Angolo.
2184 Rish, S-ino Ethel. 2569 W. Argyle, Chicago, Illinois 60625, Usono.
2185 Karajan, S-ino Asja. Kompleks Ĉajka, bl.13, vh.G,I et ap.8, 9005 Varna, Bulgario.
2186 Karajan, S-ino Markrid. Kompleks Ĉajka, bl.13 vh.G,I et ap.8, 9005 Varna, Bulgario.
2187 Kandeva, Nadejda Ivanova. Atéko Bogoridi 1, 5300 Gabrovo, Bulgario.
2188 Tiĉova, Sonja Dimitrova. Ĉardaton 2, 5300 Gabrovo.
2189 Keitel, S-ro Jurgen. Gutshof Waldschwind, Geusfeld, 8602 Rauschenbach, FR Germanio.
2190 Piha, S-ino Mária. Ipartvasut u. 31, 1182 Budapest, Hungario.
2191 Rysenberg, Ing. Eugen. Glänttsugen 4, 752 56 Uppsala, Svedio.
2192 England, S-ro Paul Michael. Love Almqvistsv. 8, 112 53 Stockholm, Svedio.
2193 Schalkenbergh, S-ro Ward J. Lemmenstr. 4, 2970 Boortmeerbeek, Belgio.
2194 Fantom, S-ino Helen. 92, Enborne Road, RG14 6AN Newbury, Berks., Britio.
2195 De Geus, F-ino Liesbeth. Kerkhoflaan 9, 7913 VV Hollandscheveld, Nederlando.
2196 Liu Bo, S-ro. Post Box 2, Hefei, Ĉinio.
2197 Kane, S-ro Daniel. Dept. of East Asian Studies, University of Melbourne, 3052 Parkville, Aŭstralio.
2198 Felsö, S-ro Géza. Peter-Pál utca 27, 1221 Budapest, Hungario.
2199 Valadas, S-ino Ana Maria. Calcada dos Mestres 65, 1000 Lisboa, Portugalio.

## SALUTON EL ĈINIO

稿 纸




ESPERANTO-ASOCIO DE HUAAN FUJIAN ĈINIO

La 26-an de julio 1988

Adreso: post-kesto 363804

LI GUANGHUI (Vicprezidanto)

Esperanto-Asocio de gubernio Huaan

de provinco Fujian de Ĉinio

GRATULLETERO

Al la 73-a Universala Kongreso de Esperanto

kara estraro de l' kongreso

karaj reprezentantoj

karaj samideanoj, karaj gesamideanoj,

Hodiaŭ la 73-a UK de E okazas en Nederlando. Tio estas la granda revuo pri la Internacia EM estas la bonega ŝanco de la diverslandaj spertoj

稿 纸

esperantistoj por vaste kontakti profundigi kompreno, akceli amikecon interŝanĝi spertoj. por tio ni sendas al vi plej varman gratulon esprimas nian sinceran intiman saluton al la diverslandaj reprezentantoj el la tuta mondo.

La kongreso estis alte taksita de la internacia publiko. Dum la pasintaj cent jaroj, milionoj da homoj ellernis E-on k uzis ĝin kiel komunikilon je individua bazo. E-o konstante pruvis sian valoron kiel bonega perilo de interkompreniĝado inter popoloj k kulturoj k grave kontribuas al monda paco. Sub la gvidado de la UEA kaj la disvolvado de internacia EM fariĝas glata pli k pli. Ni kara UEA faris k faras grandan kontribuon al Ĉina EM k internacia EM k interkompreniĝo k kunlaboro k paco. Amikeco de la tuta homaro.

Nun EM estas viva k prospera por tio UEA havas grandaj kontribuoj. ĝi estas la plej bona E-Asocio en la tuta mondo. iliajn prezidanto.

稿 纸

Ni prezidanto k tuta membro de UEA ili frontas estontecon kun pli memfido ol ili estas alfrontanta en la pasintaj jaroj. Ni sentas ke niaj koroj estas tiel firme kunigitaj ke neniu en la mondo povas nin disigi ... ili estas la plej bona homoj en la tuta mondo. ili estas niajn plej karajn. Ni estas ja kvazaŭ frato. oni dankis la prezidanton de UEA pro lia energia laboro diligente al internacia EM homoj apartenas al ilin sukceso kronos iliajn penadojn. Ni ĉiuj estimas k respektas ilin

por E-o por Amikeco k paco!

plenan sukceson al Via kongreso!

Bonfarton k agrablon al la reprezentantoj

DUA NUMERO DE LA
KONGRESA KURIERO
DE LA 73-A UNIVERSALA
KONGRESO DE ESPERANTO

# HEJMECO

## La Solena Inaŭguro

Laboro kaj ĝuo — jen du vortoj ofte aŭditaj dum la dutora kongresa malfermo, dimanĉe ekde la 10-a horo en la kongresa salonego. Pri ĝuo jam ne ekzistis dubo: En la minutoj antaŭ la enmarŝo de la podianoj, la dumilvoĉa konversaciado elradiis kontenton kaj partoprenemon. Pri laboro oni devas atendi antaŭ ol juĝi, sed certe ne mankis instigado al ĝi flanke de diversaj parolantoj.

Laŭ la prezidanto de UEA, d-ro Humphrey Tonkin, temas pri pilgrimado al tiu hejmurbo de la esperantistaro. Temas ankaŭ pri kongreso de planado, "kiu povus esti nekutime fruktodona". Tiuj, kiuj ĉeestis en Varsovio antaŭ unu jaro, certe sentas tiun ĉi UK pli intima kaj, iusence, pli serioza. Tonkin substrekis la ŝancojn dumkongrese aktivi, ĉu pri la kongresetemo, ĉu pri la agado de UEA, ĉu pri aliaj eroj. La Unua Ĝenerala Kunsido de UEA, la ferma Festo de la Jubileo marde kaj la iniciatoj de la Bjalistoka Centro plue indas je amasa partopreno.

Ankaŭ Ans Bakker-ten Hagen parolis pri laboro, sed ĉi-foje je la flanko de la Loka Kongresa Komitato. Ŝia teamo, kuntirita el ĉiuj anguloj de la lando, pretas ĉion fari — "Nur la veteron ni ne diktas." La aludo al la sabata fulmoŝtormo ridetigis multajn vizaĝojn.

Pli seriozis UEA-estrarano Ottó Haszpra en sia enkonduko de la kongresa temo, "Scienco kaj tekniko por internacia kompreniĝo". Li tuŝis la necesojn miksi saĝon kaj amon en onia aliro al la mondo, esprimo "tom bombasta sed esence prava". El tio sekvas la ligoj inter scienco kaj kompreniĝo, kun inda eĉ esenca rolo de internacia neŭtrala lingvo en tiu kompreniĝo. Pli vasta uzo de Esperanto tiucele altigus ĝian reputacion ekstere, kaj evoluigus la lingvon mem interne de la komunumo. El amaso da dumkongresaj diskutoj, d-ro Haszpra esperas vidi kreski finan rezolucion pri tiu interrilatado.

Post prezento de la podianoj venis la bela harpa interveno de Saskia Veen kaj transiro al la tradiciaj salutoj. Inter la ĉeestantaj Honoraj Membroj bedaŭrinde mankis aŭstralia eksambasadoro Ralph Harry, kies merritoplenan vivlaboron por internacia kompreniĝo rekonis la dua Premio Deguĉi (simbole transdonota ĉe la Oomoto-kunsido lundo). TEJO, la junulara sekcio de UEA, povis raporti pri la Internacia Junulara Kongreso en Zagreb kun 729 homoj el 46 landoj, kaj faris tion el sub la ombro de tre bela vakera ĉapelo.

"Se ni estas efektive amika rondo, ni komencu per saluto de organizo, kiun oni ofte konsideras nia konkuranto." Tiel la ĝenerala direktoro de UEA enkondukis spritan saluton de Sennacieca Asocio Tutmonda, kiu substrekis la multajn komunaĵojn inter SAT kaj UEA — sed ankaŭ emfazis, ke diverseco estas esenca trajto de vivsistemoj.

Diversecon certe montris la kvardeko da salutoj el diversaj landoj — kaj ankaŭ la stilo de la salutoj. Aŭstrio mencis, ke la Viena Radio plilongigis sian E-elsendon. Zairio ligis Esperanton kun la batalo kontraŭ rasismo. Usono raportis 35%-an kreskon en sia membraro, dum Burundio kvazaŭ pardonpetis pro sia movada malgrandeco. Norvegio leĝere vortludis pri la vetero. Angolo kaj Italio verve alvokis al vigla agado. Inter la landoj frapis kelkaj nomoj preskaŭ nekonataj, kaj estus malfacile ne dividi la senton de Tonkin, ke "nia movado fariĝas pli kaj pli tutmonda."

Simila penso estis nur unu el multaj en la ferma festparolado de d-ro John Wells. Tiun nekutime konversacian tekston, kiu tuŝis plurajn unikaĵojn de la nuna kongreso kaj la nuna jaro, ni redonas sube.

---

## Festparolado de d-ro John Wells

ESTIMATA PREZIDANTO, ESTIMATAJ GEKONGRESANOJ!

Vi aŭdis jam multajn salutojn, kaj estas ja konvene en la inaŭguro de Universala Kongreso, ke oni salutu. Tiuj salutoj estis direktitaj al vi, al la kongresanoj. Mi nur volus saluti en kelkaj aliaj direktoj.

Unue mi volas saluti la urbon Roterdamo. Profesoro Tonkin jam nomis ĝin nia hejmo. Mi havis pli anatomian nomon por ĝi: ĝi estas la umbiliko de la Esperanto-movado, ĉar tie estas nia Centra Oficejo. De la LKK ni aŭdis ke ĝi estas la fokuso de internacia komunikiĝo. Vere, ĝi estas la krucvojo de Eŭropo, ĝi estas grava havenurbo, ĝi estas milionurbo, ĝi estas urbo detruita en la milito kaj tamen brilikse rekonstruita.

Do, mi salutas nian kongresurbon. Mi salutas ankaŭ unu el ĝiaj filoj: mi salutas Erasmon. Li vivis antaŭ kvarcent jaroj, estas vere. Sed li estas tamen la modelo de sciencisto, de klerulo kun internacia kompreno. Li estis botanikisto, sed li estis ankaŭ klerulo kiu kapablis editori gravan novan eldonon de la greka Nova Testamento. Li estis monaĥo, li estis pastro. Li estis profesoro, kiu ne restis en tiu ĉi lando, li estis profesoro en Kembriĝo, en Anglio. Li estis profesoro en Bazelo, ĉe la svisa landlimo. Do li estis internacia homo, kaj pro tio oni prave nomis la premion Erasmo pro elstaraj kontribuoj al internacia kompreno . . .

Mi salutas ankaŭ la landon Nederlando, lando kiu havas fortan komprenon pri sia propra nacieco, kiu longe batalis por sendependiĝo, kiu havas brilan historion. En la 17-a jarcento ĝi estis mondpotenco finfine, kaj okupis gvidan rolon en la komerco, en la arto, en la scienco, kaj havis sian grandan imperion orientan kaj okcidentan. Poste ĝi elĉerpiĝis pro militoj. Fine ĝi estis

### Hejmeco

karakterizis la Solenan Inaŭguron, kaj atendeble restos kongresa trajto tra la venontaj tagoj. Ne nur ĉar multaj el ni sentas nin hejmaj en ajna loko, kie oni parolas Esperanton — ĉu en najbara domo, ĉu milojn da kilometroj for de la gepatra lando. Temas ankaŭ pri tio, ke Roterdamo ja estas iu simbola hejmo de la esperantistaro — eĉ pli ol Varsovio, ĝia naskiĝloko. La kaŭzo de tio, la CO de UEA, volonte ricevos vian viziton, pere de la koncerna giĉeto, dum la venontaj tagoj.

### LA INAŬGURO: JAM AŬDITA EN TUTA EŬROPO

La unua sonraporto pri la Inaŭguro, sendita per radiokablo al Varsovio, estis tekve aŭkoraŭ samtage aŭdigita, la unuan fojon je 17h00 dimanĉe kaj poste trifoje. Aparte en Pola Radio oni aŭdigis la tutan preskaŭ 20-minutan festparoladon de prof. J. Wells. Kvankam la kongresa raportisto de Radio Polonia —ĉefredaktoro A. Pettyn — multfoje sendos sonmaterialon al Varsovio, por laŭeble vaste raporti pri la kongresaj aranĝoj, samtempe li kolektas diversajn sonscenojn, intervjuojn kaj eldirojn, kiuj estos prezentitaj en la aŭtuna periodo.

### PLIA PLAĈAĴO DE NEDERLANDO

Oni diras: sidigu lin en la unuan vicon, kaj li aplaŭdos kion ajn. Mi sidigis en la kvinan. Tamen dum la Nacia Vespero estis multaj momentoj, kiam ne aplaŭdi estus nur snobeco.

Tenero, muldo kaj kvieto, kiun elradiis la pianludado de flandra artisto Geert Dehoux, bone harmoniis kun antaŭimagoj pri Nederlando, kiel regno de akvo, floroj kaj trankvilo. Similan etoson kreis ankaŭ la kantoj, plenumitaj de M. Angelova (Bulgario), G. Stanciockova (Sovetio), kaj harpo-baritona duopo S. Veen kun A. de Ruyter. (Cetere, iliaj koncertoj viziteblos lunde kaj jaŭde.)

Iom aparte staris danc-poemo, animita de N. v. d. Eekhout. Taksi ĝin mi tute ne kompetentas, sed laŭ kelkaj spektintoj, tiu ero estis tre sukcesa.

Sendiskutan bonvenon de la ĉeestantoj ricevis ĉarmaj malglataĵoj de la spektaklo, kaŭzitaj, cetere, de la "longaj kruroj kaj manoj", kiujn, laŭ klarigoj de S. Pilger, (mis)kancis havi unu el la koncertintoj.

Tamen, ĉu ni eltrovis ĉi-foje ian perlon? Mi kredas, ke jes. Ĝi nomiĝas "Kajto", konsistas el kvar profesiuloj kaj amatoroj, kaj karakterizeblas per jena fakteto. Tuj post la koncerto iu el la spektintoj venis al la ensemblanoj kun la deziro aĉeti dekon da iliaj diskoj kaj kasedoj (kiuj fakte ekzistas en la nederlanda lingvo). Do, ni atendu nian vicon kaj dume ĝuu la jusan malkovron de plia nederlanda plaĉaĵo en la gastiga lando.

### RAPORTO-DISKUTO FIASKAS

Tre solena, digna omaĝo al elstaraj forpasintaj movadanoj — Drees, Lapenna, Neergaard, Denoël, Isobe, Szerdahelyi — kaj konciza, pensiga prezento de la kongresa temo fare de d-ro Probal Dasgupta, tamen ne sufiĉis por tute sukcesigi la Unuan Ĝeneralan Kunsidon de UEA. Ties tradician ĉeferon — la publikan diskuton de la Estrara Raporto pri la pasinta jaro — oni devis ĉesigi je nur la 5-a ĉapitro (el 16) pro manko de tempo. La Komitato devos reveni al ĝi post la fino de la Kongreso; bedaŭrinde tio ne eblos por la publiko.

### AŬTOROJ SUBSKRIBAS

Marde en la Libroservo, la jenaj aŭtoroj eldonistoj ĉeestos por subskribi siajn librojn:

10h00-12h00
Ulrich Lins
(*La danĝera lingvo*)

15h00-17h00
Juan Régulo-Pérez
(precipe Stafeto-libroj)

### DU GULDENOJ POR DU-SEMAJNA FERIADO EN BIALISTOKO

En la kongresejo (apud la salono Hodler) troviĝas **giĉeto Bialistoko**, kie estas aĉeteblaj memoraĵoj kaj informiloj ligitaj kun la naskiĝurbo de Zamenhof kaj kun la projekto **Monda Esperanto-Centro**. La tuta monsumo, kiun oni kolektos per la vendado de ĉi tiuj varoj eniros la konton de la Fondumo Ludoviko Zamenhof, kiu celas konstruigi la Centron. Inter la vendataj objektoj aparte rekomendindaj estas memormedaloj, grafikaĵoj pri Bialistoko kaj speciala plene esperantlingva kongresa numero de *Kurier Podlaski* (Bialistoka Kuriero) kun loterio, per kiu oni povas gajni dusemajnan feriadon en Bialistoko. La plenigitajn kuponojn de la loterio oni kolektas en la giĉeto Bialistoko kaj ĉe la fino de la kongreso okazos publika lotumado de la ĉefpremioj. Kaj do, aĉetante per du guldenoj la gazeton, oni havas la ŝancon gajni belan premion kaj viziti la naskiĝurbon de Zamenhof.

### EKUMENA DISERVO OKAZIS BUNTE KAJ AMASE

Ĉirkaŭ kvincent gekongresanoj el diversaj kristanaj konfesioj partoprenis dimanĉe posttagmeze la ekumenan diservon en la ĉefpreĝejo de la kongresa urbo. Male ol en sama okazo lastjare en Varsovio, ĉi-foje la ceremonion konkludis kaj riĉigis la komuna disdonado de pano kaj vino — sankta komunio por la rom-katolikoj, sankta manĝo por la evangelistoj. Gvidan linion al la komunaj kantoj donis la impona orgeno de Laŭrenspreĝejo, en kies forta voĉo foje preskaŭ dronis la timemaj esperantaj vortoj de la nekutimiĝintaj ĉeestantoj. Ĉiu alveninto ricevis ĉe la enirejo libreton kun la detala programo kaj vort-post-vorta disvolviĝo de la diservo, tiel ke ĉiu okazaĵo estis klara por ĉiuj: ĉar antaŭ la asembleo parolis pluraj plurdevenaj geesperantistoj, kaj ne ĉiam la oreloj sukcesis alkutimiĝi sufiĉe rapide al novaj voĉmuziko kaj prononcmaniero. En tiu ĉi bunta kadro predikis pastorino Jelly Koopmans-Schotanus, el Roterdamo mem, pri la temo "Honoraj emeritoj aŭ ĉikatraj diademoj?" La titolo resendas al la fundamenta kristana mesaĝo, ke ĉia vera homa honoro estas nur atingebla luktante kontraŭ homaj suferoj kaj maljustecoj.

# KONGRESA KURIERO, DUA NUMERO (LUNDO)

## Novaj aliĝoj

N-roj 2200-2209 aperos en venonta numero de la Kuriero. Ni petas pardon pri la misliterumadoj, kiuj ŝuldiĝas al foja neeblo legi ies manskribon.

2210 Diemel, S-ino Julie. Usono
2211 Meyers, S-ro Roland. 65, rue de la scierie, L-3279 Bettembourg, Luksemburgio.
2212 Onorzi, S-ro Viterbo. Via Pazzano, 41028 Serramazzoni MO, Italio.
2213 Lezak, D-ro Tadeusz Adam. Zubrzyckiego 3c/6, PL-45262 Opole, Pollando.
2214 Szenasi, S-ro Sándor. Hungario.
2215 Dvorszky, S-ro László. Hungario.
2216 Nowak, Alicja. Pollando
2217 Sági, Ren. Hungario.
2218 Sági, Vil. Hungario.
2219 Hofstatter, S-ro Gottfried. Aŭstrio.
2220 Lange, S-ino Gisela. 81-853 Sopot. Wiepodleglosci 692/65, Pollando.
2221 Lange, S-ro Zygmunt. Sopot 81-853, Wiepodleglosci 692/65, Pollando.
2222 Faludi, D-ino Mária. 3300 Eger Arany János 20, Hungario.
2223 Rolandus, S-ro L. Johan. Nederlando.
2224 Kazakov, S-ro Radosvet Nikolaev. Str. Latinka No. 6 Blok 43 Enteo A, Sofio 1113, Bulgario.
2225 Jantzen, S-ino Barbara. 23, rue du Beau-Site, F-57520 Alsting, Francio.
2226 Jantzen, Heidrun. 23, rue du Beau-Site, F-57520 Alsting, Francio.
2227 Li Wei, S-ro. No. 88, 34 Dong 205 Sushe Datonggu Shenyang, Ĉinio.
2228 Li Changcuo. No. 1, 1 Duan Taishanlu Huangguqu Shenyang, Ĉinio.
2229 Geng Tengtong, S-ro. No. 1, 1 Duan Taishanlu Huangguqu Shenyang, Ĉinio.
2230 Phillips, S-ino Sally. 23, Milward Road. Hastings, TN34 3RP Anglio.
2231 Bauzá Phillips, S-ino Daniela. 23, Milward Road, Hastings, TN34 3RP Anglio.
2232 Bauzá Phillips, F-ino Arleta. 23, Milward Road, Hastings, TN34 3RP Anglio.
2233 Kostova. Galja Vasileva, S-ino. Bulgario.
2234 Topál, Lászlóné. Hungario.
2235 Vejkeyné, Sarolta Sudan. Hungario.
2236 Kostova, Galja Vasileva. Bulgario.
2237 Brenander, S-ino Birgit. Bergsgatan 28, 112 23 Stockholm, Svedio.
2238 Vd Oever, S-ro Ed. Treilerstr. 11, NL-1784 SW Den Helder, Nederlando.
2239 Vd Oever, S-ino Marianne. Treilerstr. 11, NL-1784 SW Den Helder, Nederlando.
2240 Rohde, D-ro Joachim. Parkstr. 69, Berlin-Weissensee, DDR-1120, Germana DR.
2241 Welling, S-ro Hans. FR Germanio.
2242 Bruilhaire, Muriel. 785 rue Las Sorbes, 34000 Montpellier, Francio.
2243 Grasso, S-ro Luiz Antonio. Rua Oscar Freire 1824 Apto 11, Brazilo.
2244 Mol, S-ino Catharina Aleca. Erasmusweg 847, Hago, Nederlando
2245 Trnka, S-ro József. Csolnok, Erdősor 10, 2521, Hungario.
2246 Trnka, S-ro Zoltán. Csolnok, Erdősor 10, 2521, Hungario.
2247 Trnka, Annamaria. Csolnok, Erdősor 10, 2521, Hungario.
2248 Błońska, Anna-Maria. Pollando.
2249 Balint, Roža. Petőfi Sándor u. 62, YU-25222 Telečka, Jugoslavio.
2250 König, S-ro Daniel Johannes Eduard. Schwarzwaldstr. 47, 6800 Mannheim 1, FR Germanio.
2251 Koning, Sjoerd G. Nederlando.
2252 Koning, Y. M. Nederlando.
2253 Connell, S-ro Richard. Usono.
2254 Przezdziak, S-ino Ewa. ul. Darlowska 5[B] 14, 04-391 Warszawa, Pollando.
2255 Widera, S-ino. 41-500 Chorzów, ul. Szczecińska 31, Pollando.
2256 Kowalczewski, S-ro Adam. 34-115 Lódz, Falista 166/26, Pollando.
2257 Malgorzata, S-ino Mirowska. 95-073 Grotniki, Ustronie 35, Pollando.
2258 Fiutak, S-ino Edita. 80-451 Gdansko 6, Kościuszki 5/3, Pollando.
2259 Könyves, S-ro Zoltán. Hungario.
2260 Könyves, S-ino Dénes. Hungario.
2261 Könyves, S-ro Zoltán. Hungario.
2262 Dörr, S-ro Josef. D-6607 Quierschied, Querstr. 11, FR Germanio.
2263 Opoka, S-ro Włodzimierz. Str. Łużycka 65/13, 30-658 Kraków, Pollando.
2264 Majewski, S-ro Stanisław. Str. Komandosow 5E/4, 30-334 Kraków, Pollando.
2265 Marasek, S-ro Tadeusz Dariusz. Str. Monte Cassino 11m144, 01 121 Varsovio, Pollando.
2266 Stoutthart, S-ro Roland. Roys de Beerenbroucklaan 37, 6417 CC, Nederlando.
2267 Bacskai, D-ro István Lajos. Árpádfejedelem 40, H-1174 Budapest, Hungario.
2268 Apaolaza, S-ro Joseba Inaki. Gazteizko Ibbidea 47 6m Esk 01008, Hispanio.
2269 Gauna, Inaki. Domingo Beltran 42-4. C.P. 01012, Vitoria-Gasteiz, Hispanio.
2270 Ortega, S-ino Blanca Emilia. C/ Beato T. de Zumarraga No. 22 - 4°, 01008 Vitoria, Hispanio.
2271 Garcia Fernandez, Consuelo T. C/ Nieves Cano No. 8, 2° dcha, 07006 Vitoria, Hispanio.
2272 Ágoston, S-ro Albert. Fehervari ut 121, H-1119 Budapest, Hungario.
2273 Piotrowski, S-ro Ladislav. Ĉeĥoslovakio.
2274 Dragonová, S-ino Terezia. Ĉeĥoslovakio.
2275 Vargova, S-ino Margita. Palárikova 1, 04001 Košice, Ĉeĥoslovakio.
2276 Spoelder, S-ro Wim Nicolaas. Merwedeplein 58, 1078 NG Amsterdam, Nederlando.
2277 Rudolf, S-ino Annelies. FR Germanio.
2278 Ribbius, M. Nederlando.
2279 Klein, S-ro Peter. Schifferstadter Str. 1, 6704 Mutterstadt, Germanio.
2280 Harakawa, S-ino Takako. 8-8 Kashiwabara Sayama-shi, Saitama-ken, Japanio.
2281 Kobayashi, S-ro Ichinosuke. 1-29-18 Simoigusa Suginamiku, Tokio, Japanio.
2282 Kobayashi, Nobu. 1-29-18 Simoigusa Suginamiku, Tokio, Japanio.
2283 Bacev, S-ro Marin. P.K. 1054, 1000 Sofia, Bulgario.
2284 Hofmann, Nadi. FR Germanio.
2285 Mika, D-ro J. Andric. Ul. Yovana Stojsavljevića 37/2, 11 186 Beograd, Jugoslavio.
2286 Goffart, S-ro Benoit. Place du Grand Sablon 34, B-1000 Bruxelles, Belgio.
2287 Cwis, S-ro Michael. Avenue de Tervuren 275, B-1150 Brussel, Belgio.
2288 Koštović, S-ro Haris. Džemala Bijedića 276, 71000 Sarajevo, Jugoslavio.
2289 Karlović, S-ino Nada. Krašićka 10, Zagreb, Jugoslavio.
2290 Mulas, S-ino Maria Antonia. Via Lorejo 6, Bergamo, Italio.
2291 Knappert, S-ro Jan. Britio.
2292 Eijgenhuis, S-ino Carla. Nederlando.

eĉ okupita en la nuna jarcento. Nun ĝiaj kolonioj sendependiĝis, kaj ĝi devis serĉi novan rolon, kaj trovis novan rolon, kaj estas, mi dirus, ankoraŭ denove en gvida rolo en la mondo, gvida pozicio en la scienco, en la tekniko, en la moderna mondo. Ĝi estas lando, kiu devis batali kontraŭ la maro, ĉu ne? La nederlandanoj pli kaj pli inventis la teknikon krei digojn por forbari la maron kaj ŝanĝi la maron en teron, ŝanĝi la dunojn en fruktodonajn kampojn, ŝanĝi la sablejojn en florĝardenojn.

Pli frue la maro estis por la nederlandanoj malamiko. Oni povus diri, ke la maro plendigis la nederlandanojn; sed la nederlandanoj plen-digis la maron, kreis plenajn digojn, tiel ke nun ĝi estas amiko.

Nederlando estas ankaŭ la hejmo de unu el la plej gravaj evoluoj en la scienco kaj tekniko en rilato al la lingvo-problemo; ĝi estas la hejmo de BSO, kie oni evoluigas la sistemon DLT por maŝintradukado pere de la uzo de Esperanto kiel interlingvo. Post la bela inspiro de inĝ. Witkam kaj lia sukceso persvadi la firmaon entrepreni seriozan esploron en tiu kampo, li sukcesis atingi ke nun tiu projekto DLT estas en pinta pozicio almenaŭ el la vidpunkto de la eŭropa strebado pri la maŝintradukado. Mi ne scias, kion faras la japanoj — eble ili unue atingos la merkaton. Aŭ eble ne. Sed certe, mi ne hezitus diri, ke en Eŭropo la projekto DLT estas en la pinta pozicio. Kaj ĝi ja aplikas Esperanton en tute praktika maniero, kvankam tio estas maniero kiun Zamenhof certe ne pripensis, kaj kiun multaj el ni trovis surpriza en la komenco. Nun du jaroj da eksperimentado montris ke la projekto estas praktika; oni jam testis prototipon de tradukado inter la angla kaj la franca; kaj tio havas ankaŭ gravan signifon por la evoluigo de Esperanto, ĉar finfine oni devas tute precizigi Esperanton por ke ĝi ludu tiun rolon, kaj tio povus esti utila al ni ĉiuj.

Do, mi salutas la urbon, mi salutas la landon: mi volas saluti ankaŭ la mondon. Ni vivas en rimarkinda momento en ties historio. La politika situacio en la nuna momento estas mirakla. Ĉu vi rimarkis, ke en 1988 eksplodis paco en la mondo? Kaj mi ne aludas al la fakto ke SAT estas reprezentata en kongreso de UEA. Ne: Usono kaj Sovetunio — la grandpotencoj — faris interkonsenton forigi mezdistancajn nukleajn raketojn. Tio estas la unua fojo ke oni konsentis redukti la nombron de nukleaj armiloj en la mondo. . . Tiu paco, kiu eksplodis, tamen, ne estas limigita al la akordo inter Usono kaj Sovetunio. En Afganio finiĝas la milito. En Irano, Irako oni akceptis la rezolucion de UNO por batalĉeso en la Golfo. En Angolo oni atingis akordon inter Sud-Afriko kaj Kubo kaj aliaj. La vjetnamianoj forlasas Kamboĝon. Tio estas tuta modo kaj tendenco kiu estas vere esperiga . . . Ni eble fine trovis ke en la moderna mondo la milito estas ne plu gajnebla: kaj kian perspektivon tio donas por Esperanto!

Ĉar restas dume la lingvoproblemo: la homaro estas ankoraŭ dividita per siaj diversaj lingvoj. Ni ne havas la eblecon rekte komuniki unu kun la alia, sen ke unu estu en supera kaj alia en suba pozicio, aŭ ke ambaŭ baraktas per fremda nacia lingvo . . . Fine, do , mi salutas Esperanton. Mi salutas la lingvon, nun etulon de 1887, bebo kiu kreskis ĝis tio, ke en la pasinta UK en Varsovio ni povis havi 6 000 homojn kune kiuj komunikis facile, glate, unu kun la alia per ĝi. Homa lingvo, nek maŝina lingvo nek kodo. En la epoko de informadiko, de elektronika redaktado kaj tiel plu, la bezono de komuna homa lingvo restas. Nia lingvo evoluis, kiel ĉiu normala lingvo. Ni riĉigis ĝin kaj precizigis ĝin. Ni vidis, kiel ni povas ekspluati ĝiajn kaŝitajn kapablojn. La sendependigo de la afiksoj, la kreo de novaj adverboj, kiaj ne ekzistas en eŭropaj lingvoj, la rektaj verbigoj, la ekspluatado de tiuj eblecoj. Ni evoluigis nian vortprovizon por esti adekvata al la bezono de la moderna mondo. Ni ankoraŭ havas niajn etajn diskutojn pri multaj el tiaj punktoj, kaj tio donas al ni bonan amuzon dum niaj kongresoj, foje. Sed la esenco, la kerno estas, ke Esperanto estas lingvo kapabla transpreni la rolon por kiu ni celas, ke ĝi estu uzata.

Esperanto do estas lingvo, kiu havas firman socian bazon. Vi estas ĝi, vi kaj ĉiuj esperantistoj. Se mi aŭ kiu ajn alia individuo havus la ideon ŝanĝi Esperanton — mi ne scias kiel, enkonduki amase novajn vortojn, ŝanĝi la gramatikon, ŝanĝi la prononcon — mi ne povus. Neniu el ni povas. Ĉar vi, ni, la granda socia portanto de Esperanto estas la bridantoj, la bremso, la garantio por vera lingvo, kaj pro tio Esperanto estas lingvo kaj ne projekto. Pro tiu socia bazo.

Tio signifas, ke mi salutas ankaŭ la esperantistojn. . . . Mi salutas do la veteranojn. Mi salutas la spertajn esperantistojn. Mi ankaŭ salutas la komencantojn. Kaj speciale mi volas saluti tiujn, kiuj nun ĉeestas sian unuan Universalan Kongreson. Vi povos mem sperti tiun mirakton, kiun ĉiu el ni spertis siatempe, ke Esperanto ne estas la teoriaĵo, kiun ni pensis studi hejme el libroj aŭ en malgrandaj kursoj. Ĝi estas realaĵo. . . Nia tasko estas konvinki la mondon, ke nur per Esperanto — kiu estas samtempe facila por la lernanto, kaj neŭtrala inter la diversaj partioj kaj partianoj — nur Esperanto povos fine tiel solvi la lingvan problemon.

---

### ANONCETOJ

Priskribo de **urbaj promenoj** — malonga (2,6 km, komenciĝante ĉe la stacidoma placo) kaj longa (6 km, daŭrigo de la unua) — estas haveblaj ĉe la Informejo.

* * *

**Ekspozicion pri la kongresa temo** vi trovos en la vestiblo antaŭ la Libroservo.

* * *

Kurso pri ĉina gimnastiko **Taj-ĝi** okazas en la granda halo Faulhaber je 8h30 matene kaj 18h00 vespere.

* * *

La **internacian ekspozicion de UEA** (35 landoj) vi trovos ĉe la garderoboj ambaŭflanke en la granda halo Faulhaber. Se vi deziras pruntepreni ĝin, demandu ĉe la giĉeto UEA.

* * *

La **Internacia Esperanta Ĥoro** ekfunkcias denove. La geĥoranoj kolektiĝas ĉiutage ĉe la enirejo je 09h00, kaj poste je 16h00.

* * *

La revuo **Scienca Mondo** traktas multajn interesajn problemojn pri diversaj fakoj de la scienco. La aŭtoroj estas mondfamaj profesoroj. Abonu jam dum la kongreso! (UEA peras la abonon.)

Vi povas aŭdi la sistemon **Esparol** ĉiutage antaŭtagmeze aŭ posttagmeze en la kongresejo, sur la unua etaĝo. Temas pri komputilo, kiu parolas Esperante kaj instruas Esperanton por komencantoj. Se vi mem volas paroligi vian komputilon, vi povas akiri la sistemon. Venu al la demonstro kaj kontaktu Ilona Koutny. Precizaj horoj estos afiŝitaj en la kongresejo.

* * *

Du afrikanoj bezonas senpagan veturigon post la Kongreso: Mramba Simba al Saint Nazaire, Francio, kaj A. E. Foley al Fakse, Danlando. Se vi volas helpi, bonvolu kontakti ilin pere de la mesaĝtabulo aŭ kunordiganto Hans Bakker.

* * *

Esperantisto, kial heziti? SCIO forigu malfermecon en kontaktoj kun handikapitoj. Ĉue legu

1) *Ne tiel sed ĉi tiel* — por agrablaj kontaktoj kun blinduloj.
2) *Ĉu ne eblas ĉi tiel?* — kun move handikapitoj.
3) *Trans la sonizolan muron* — kun surduloj kaj surdblinduloj.

Prezo po £2,10 de la Libroservo. Esperanto por tutmonda solidareco.

TRIA NUMERO DE LA
KONGRESA KURIERO
DE LA 73-A UNIVERSALA
KONGRESO DE ESPERANTO

# LaCO

# IKU EKAS:

## Tonkin spontane pri la Esperanta literaturo

Lastmomente antaŭ la malfermo de la 41-a sesio de la Internacia Kongresa Universitato, evidentiĝis ke William Auld — la unua preleganto — ne povis veni pro malsano. La prezidanto de UEA mirakle trovis tempon el ŝtopita tagordo, venis, kaj postlastmomente la rektoro, prof. Jan Knappert, ankaŭ aperis. Ties inaŭgura parolado interalie memorigis nin, ke antaŭ dudeko da jaroj neniu interesiĝis pri la araba lingvo, sed ke nun oni instruas ĝin en la universitatoj. Kaj li krome instigis la esperantistojn verki librojn kaj gvidi kursojn pri filozofio, scienco, poezio, io ajn altkvalita. Finfine, eĉ se ne baldaŭ, la mondo interesiĝos.

Kie Auld estus parolinta pri la Esperanta poezio de la lastaj dudek jaroj, Tonkin alprenis pli vastan temaron: la komenco kaj esenca karaktero de nia literaturo, tradukita kaj originala. Li lokis la naskiĝon de Esperanto en internaciisma kunteksto. Iom poste li komparis ĝin kun la eksplodo de stelo, kiu okazas pro la samtempa ĉeesto de certaj fizikaj kondiĉoj, sed poste vastiĝas laŭ la propraj leĝoj. En la unua stadio de tiu vastiĝo, gravan rolon havis Antoni Grabowski, "la patro de la Esperanta poezio". Grabowski faris la unuan beletran tradukon en Esperanto, *La neĝa blovado*, ekpasante kun nur 900 vortoj. Kvankam liaj kelkaj originalaj poemoj estas malaltnivelaj, liaj postaj tradukoj — precipe *El Parnaso de popoloj* kaj *Sinjoro Tadeo* — estis majstroverkoj ege gravaj por la juna lingvo. Grabowski ankaŭ havis la celon ligi la esperantistojn al monda kulturo. Kaj laŭ Tonkin, certaj nunaj tendencoj — aparte la neologisme obsedata beletra skolo — eble montras timon antaŭ la definitiva tutmondiĝo de la Esperanta kulturo.

## Wells en Okcidenta Azio

D-ro John Wells, la konata fonetikisto kaj lingvisto, gvidis la IKU aŭskultantojn tra la lingva mapo de Okcidenta Azio hodiaŭ matene, substrekante la kulturan kaj historian gravecon de tiu aŭ alia lingvo aŭ skribsistemo, ekzemple la gravecon de la fenicia alfabeto kiel la prapatro de ĉiuj alfabetoj de la mondo. "Kristanoj, hebreoj, kaj mahometanoj / ni ĉiuj de Di' estas filoj," diris Zamenhof; Wells atentigis pri la graveco de la okcidentaziaj lingvoj, en kiuj estis verkitaj la unuaj dokumentoj de tiuj gravaj monoteismaj religioj. Lige kun la hebrea, li tuŝis ankaŭ la lingvoplanan aspekton de la revivigo de la hebrea en Palestino kaj poste la ŝtato Israelo, kaj la similecon de tiu lingvoplana agado al la lanĉo de la Esperanta parolkomunumo. Lige kun la araba, Wells deskriptis la fenomenon *diglosio* (kiun, en sia atentinda verko *Lingvistikaj aspektoj de Esperanto*, li nomis "duidiomeco"), kiu konsistas en tio, ke unu lingvo havas (ofte laŭregione varieman) parolan formon kaj norman skriban formon uzatan por celoj pli oficialaj, ofte iom malsaman el la parola formo.

## Máthé pri limoj al aeraj poluaĵoj

El ĉiuj prelegoj kadre de IKU, certe la prelego de Árpád Máthé — doktoro pri kemio el Budapeŝto — plej kongruis al la kongresa temo. La preleganto tuŝis la problemon de defendo de la naturo kontraŭ kemia poluado. La verbo *tuŝi* estas uzita tute intence, ĉar la temo estas tiel vasta kaj grava, ke oni ne povis pritrakti ĝin pli profunde dum la kongresa prelego. Tiu koncentriĝis ĉefe je poluado de la aero-medio, kiu neglektas ĉiujn limojn faritajn de la homoj kaj moviĝas kiel esperantistoj. Ĉefaj fontoj de aeraj poluaĵoj estas produktado de energio kaj aŭtado. Ĝuste ili liveras al la aero plej grandan parton de diversaj kombinaĵoj de karbo, nitrogeno, sulfuro kaj pezaj metaloj. Tre klare kaj kompreneble, eĉ por nefakuloj, doktoro Máthé prezentis damaĝojn kiujn kaŭzas la kombinaĵoj al la ekvilibro ekzistanta en la naturo. Por ke ni ne restu tute senesperaj, li ankaŭ menciis nunajn metodojn, kiuj permesas forigi la poluaĵojn, kaj ĉefajn direktojn, en kiuj iras la energioavida mondo kaj scienca mondero provanta ripari tion, kion ĝi mem tuŝis antaŭe. La temo vere kaptis la atenton de la aŭskultantaro, ĉar post unuhora prelego sekvis preskaŭ kvardekminuta diskuto, eĉ disputo. Do certe ĉiuj lasis la salonon konvinkitaj pri la graveco de la problemo, kiu ŝajnas minaci ne nur al niaj idoj sed jam ankaŭ al ni mem.

### Laco

en la CO estas sufiĉe konata fenomeno, kaj verŝajne ankaŭ vi mem spertas ĝin post la streĉoj de Bankedo kaj Balo. Nu, merkredo donos okazon por malstreĉiĝo, ankaŭ al nia redakcieto. Jam sufiĉis la longaj noktoj kaj malmulta dormo! ... Se en ĵaŭdo vi reaktiviĝos, pensu iom pri ni, kaj lasu artikolojn kaj raportetojn ĉe la Informejo.

Dankon, kaj dormu bone!

### NOVAJ PROGRAMEROJ

**mardo 26:**

Grabowski 18h30-19h30: koncerto de la sovetiaj artistoj Staneŝnikova kaj Puŝova, famaj profesiuloj kiuj prezentos varian programon al vi.

**ĵaŭdo 28:**

Hodler 9h00-17h00: programsinsekvo en la Esperantologia Konferenco: prelegoj de Pool, Pennacchietti, Daŝgupto, Schubert.

Zamenhof 15h00-16h00: koncerto fare de la bulgaraj kantistinoj Angelova, Kostova, Adamova, akompanataj de s-ino Puŝova el Sovetio. Popular-klasika programo.

Drees 16h00: Hermann Behrmann prezentos la novajn librojn eldonitajn de la Paderborna E-Centro. Oni parolos pri karavano al Kubo en 1990 kaj pri la Analiza Skolo.

Grabowski 18h00: pupteatro *Dekamerono 8,5* (ne vendrede kiel en la Kongresa Libro).

**vendredo 29:**

Grabowski 12h30-13h30: Koncertos por vi la ĉeĥaj kantistinoj Smyčka kaj Vich, kiuj havos akompanon piane fare de la sovetia pianistino Puŝova.

Uitterdijk 16h00: kunveno de la Kvakera Esperantista Societo (KES). Ĉiuj gekongresanoj estas bonvenaj.

Csen 15h00-16h00: S-ino Kimie Markarian (824) donos klarigon kaj lecionon pri la sorobano, kalkulilo daŭre uzata dum 450 jaroj en Japanio kaj aliaj aziaj landoj.

La pupteatro ne okazos vendrede je 17h30, sed je 18h00 ĵaŭde (vidu supre).

NUN HAVEBLAS ĈE LA LIBROSERVO:

**Mefisto**

2½-hora streĉa artfilmo. Esperante dublita en Hungario, kiu gajnis antaŭ kelkaj jaroj la prestiĝan Oskarpremion. En nazia Germanio, talenta aktoro metas karieron super politikon, kun katastrofaj sekvoj.

Haveblas ankaŭ **En Eŭropo ie** (nigrablanka klasikaĵo ĉerbutiota en Varsovio) de la sama dublo-entrepreno. Detaloj kaj prezoj ĉe la Libroservo.

### ANKORAŬ LOKOJ EN POSTKONGRESA MUZEA EKSKURSO

Ĉu vi ŝatas muzeojn tecaj kaj ĉiaŭ samaspektaj artejoj? Jen ŝanco ekkoni tiun varion: la domo, en kiu Rembrandt kreis siajn majstroverkojn, la domo, kie Anne Frank skribis sian taglibron; unu el la plej belaj naturkonservejoj de Nederlando, kun mirinda ekstera statuparko; vitro-muzeo kun unikaj vitraj skulptaĵoj — kaj pluraj aliaj. Ĉio ĉi eblas dum vi daŭre loĝas en Roterdamo ĉe via kongresa hotelo. Kontaktu la giĉeton Ekskursoj!

### AŬTOROJ SUBSKRIBAS

Ĵaŭde en la Libroservo, la jenaj aŭtoroj ĉeestos por subskribi siajn librojn:

10h00-12h00
Ulrich Lins
(*La danĝera lingvo*)

15h00-17h00
Gaston Waringhien
(PIV, PAG, *Eseoj*, ktp)

### ANTOLOGIAJ LANĈOJ

Marde, inter 12h00 kaj 12h30, okazas ĉe la Libroservo la oficiala prezento de du novaj kaj luksaj verkoj. La unua estas krome nova ero en la prestiĝa UEA-Unesko-serio Oriento-Okcidento. Temas pri **Aŭstralia antologio**, redaktita de Alan Towsey, kiun prezentas UEA-prezidanto Humphrey Tonkin, kaj **Itala antologio**, redaktita de Giordano Azzi, kiun prezentas akademiano Aldo de' Giorgi. Ambaŭ volumoj aperis ĉe la itala eldonejo Edistudio, kies estro Bruno Kasini same ĉeestas. Sekvas gustumado de italaj vinoj.

### PLIA BONO EL BIALISTOKO

La Bialistoka Pupteatro prezentos sian *Dekamerono 8,5* ankoraŭ du fojojn: kiel antaŭvidite mardon je la 17-a kaj — bonvolu atenti tagon kaj horon de la lasta spektaklo, ĉar ili ambaŭ ŝanĝiĝis — ĵaŭdon je la 18-a. La scenejon kaj nemultajn sidlokojn gastigas salono Hodler (kaj ne la tro granda salono Grabowski, kiel anoncas la Kongresa Libro). En tre mallarĝa spaco dum preskaŭ horo kaj duono proksimas spektantoj kaj aktoroj en intima etoso inspirita de verkoj kaj personoj el la 14-a jarcento. La teatraĵo tiras sian temaron de kvar rakontoj el la novelaro de Bokaĉo. Precipe impresis la polajn aŭtorojn de la teksto la famo de *Dekamerono* kiel kolekto de maldecaj anekdotoj: fakte, ĉio, kio okazas sur la scenejo havas eksplicitan rilaton kun seksaj aktivecoj, en la nomo de naturo, kio certigas la transdaŭron de la homa specio per tiom agrabla rimedo.

Kapturnige la voĉoj de la aktoroj venas jen rekte el iliaj buŝoj, jen el la scenej-malantaŭo, kaj la pupoj — ĉar ja temas pri pupteatraĵo — ekestas en la plej genie simplaj manieroj. Jen de ŝak-figuroj moviĝas tra la fenestroj kaj pordoj de vertikala ŝak-tabelo. Jen fruktoj iĝas kapoj kaj gantoj iĝas vestaĵoj de tuta familio el patro, patrino, filino kaj ... amoranto de la filino. Jen elementaj pupkapetoj alkroĉitaj al la aktor-brakoj, kun mankoj kiel vestaj ornamoj, okazigas la aventuron de ĝemela triopo. Kaj daŭre la aktoroj sukcesas per siaj manoj kaj voĉoj kaj movoj samtempe ĉeesti kaj forgesigi sian pupistan rolon en senhalta sinsekvo de eltrovoj kaj surprizoj.

Cetere, ni esperantistoj jam alkutimiĝis, ke bonas kio venas el Bialistoko ...

# KONGRESA KURIERO, TRIA NUMERO (MARDO)

## ANONCETOJ

Ĉiun vesperon je la 19.30 horo, la **mondaj novaĵoj en Esperanto** estas aŭskulteblaj en la unua etaĝo (galerio) de la kongresejo.

* * *

Parolantoj de pluraj lingvoj bonvolu anonci vin ĉe d-ro Julius Balbin (345). Li intencas fondi **Internacian Poliglotan Societon**, kies embria klubo jam laboras en Nov-Jorko.

* * *

S-ro Mafuta-Wina (2139, Zairio) deziras enskribiĝi ĉe oksemajna kurso por komencantoj por plibonigi sian scion je la meza kaj supera niveloj, kaj tiel serĉas helpon pri faciligo de obteno de la sveda vizo. Li bezonas invitleteron ĝisdatigitan de aŭgusto ĝis oktobro 1988 aŭ plu.

* * *

Atentu! Estas esplorata ebleco eldoni en Esperanto popularan semajnan multpaĝan gazeton **Moskvaj novaĵoj**, kiu ĝis nun aperadas en rusa, angla, franca, hispana kaj araba lingvoj. Oni komencis ĝin eldoni ankaŭ en la germana, estas planata hungara versio ktp. Ĝi estas unu el la plej interesaj sovetiaj gazetoj. Por eldoni ĝin en Esperanto necesas havi tre grandan eldonkvanton. Respondeculoj de landaj E-asocioj estas petataj komuniki al P. Jegorovas (1273) maksimumajn kvantojn de la gazeto, kiuj povas esti abonitaj en iliaj landoj. Antaŭdankon!

* * *

Ĉu vi jam vidis la novan libreton pri **Roterdamo, Erasmo kaj la Biblio**? Ĝi estas senpage havebla ĉe la budo de Internacia Biblio-Misio. Estas la sesa jaro, en kiu IBM elmontras Biblio-studkursojn kaj literaturaĵojn pri la Biblio. Estas anoj de IBM en 55 landoj, kaj korespondantoj en preskaŭ ĉiuj landoj. Ĉe la budo elmontriĝas ekzempleroj kaj afiŝoj.

* * *

Ĉiu, kiu kapablas utiligi IBM-kongruan komputoron, kunlaboru por rapide realigi la projekton de **trilingvaj elektronikaj vortaregoj**. Mi demonstros sur eta komputoro kiel fari tion. Utiligu vian liberan tempon dum la kongreso. Vi trovos min en la Libroservo, kie oni vendas la **Esperantan Bildvortaron**. R. Eichholz (1383), Terminologia Centro de ISAE.

* * *

LSG (**Ligo de Samseksemaj Geesperantistoj**) havos sian oficialan kunvenon en la loka geja centro, Schiedamsesingel 175, merkredon la 27-an ekde la 20.00-a horo. La salono estos malferma ekde la 19.30-a horo. Interesitoj kiuj ĝis nun mem ne estas membroj, estas same bonvenaj.

* * *

Ekde la 7-a de aŭgusto, **Radio Havano** (Kubo) havos regulajn dimanĉajn elsendojn en Esperanto. La programon redaktos Orlando Raola González. Horoj kaj frekvencoj troveblas ĉe la kuba tablo sur la unua etaĝo de la kongresejo.

* * *

Amase aliĝas kongresanoj ĉe la budo de la **74-a Universala Kongreso**, kiu okazos de la 29-a de julio ĝis la 5-a de aŭgusto 1989 en Brajtono (Brighton), Anglio. Eĉ se vi ne decidos tuj, nepre vizitu la giĉeton por preni la belan Unuan Bultenon.

* * *

Briflava varbilo haveblas de la tablo **Amik' en Afrik'** ĉe la unua etaĝo. Temas pri utila kaj instiga faldfolio, kiu donas rekomendojn pri korespondado, ĝemelado kaj donacoj al Fondaĵo Afriko. Prenu ĝin kaj eniru la kunlaborantaron!

* * *

Nek forgesu fari apartan viziton al la giĉeto pri la **Bialistoka Centro**. Via du-guldena ŝeto povus gajni por vi tiujn du semajnojn en la zamenhofa naskiĝurbo. Vidu la duan numeron de la Kongresa Kuriero por plia informo — aŭ pli bone, iru kaj rekte parolu al la bialistokanoj mem.

## KONKERO DE KASISTINOJ

Por malhelpi, ke la kasistinoj en la kongresa restoracia servo alparolu niajn kongresanojn en internacia lingvo alia ol Esperanto, oni aliris la direktoron kaj sub-direktoron de la servo, por konvinki ilin ke eblas post nur kelkminuta kurso majstri la Esperanto-numerojn kaj la bazan vortaron de la keinerstiko kaj kasistinistiko. Ili promesis transdoni la liveritan vortareton al siaj dejorantinoj. Sed ĝis nun, laŭ profundaj kaj scienenivelaj esploroj, tio ne rezultis en signifa modifo de la bufeda interkomunikado. Ni tial vokas al la kongresanoj afable, firme kaj eĉ pedagogie intertrakti kun la bufed-kasistinoj en Esperanto.

## ĈU NI ESTU FIERAJ PRI NIA JARLIBRO?

Lunde posttagmeze, dum pli ol unu horo, dekoj da delegitoj kaj ĉefdelegitoj vigle protestis kontraŭ la bedaŭrinde multaj eraroj aperitaj en Jarlibro 88: akurataĵn ĝisdatigojn oni ne priatentis, ktp ktp… kaj tio ja levas principan demandon: Kiel akordigi la *akuratecon* de la Jarlibro kaj ĝian *fidindecon*? Ĉu la nunaj komputilaj programoj de UEA estas plibonigeblaj ĉi-rilate? Ĉu la ĉefdelegitoj rajtu relegi la presprovaĵojn jus antaŭ la apero de la Jarlibro?

Sed tiu longa debato pri kelkaj precizaj kazoj (ja gravaj fuŝoj, tamen …) ne lasis sufiĉan tempon por priparoli fundamentajn demandojn: Ĉu la nuna delegita regularo daŭre taŭgas, kiam la plimulto el la petoj koncernas loĝigon kaj korespondadon? Ĉu povas esti vicdelegito en urbo sen delegito? Ĉu ni limigu la nombron da fakdelegitecoj? Ĉu eblas forigi delegiton, kiu ne plu funkcias, kaj laŭ kiuj kriterioj? Ekzemple, ĉu ni ĝeneraligu la kutimon, ke delegito raportu ĉiujare al la ĉefdelegito, kiu rajtu forstreki delegitojn ne respondintajn dum du aŭ tri sinsekvaj jaroj?

Jam funkcias komisiono de la Komitato de UEA pri la delegita reto, kaj ĝi komencis pristudi kelkajn el tiuj problemoj. Unu el la atingoj de tiu komisiono estas la mapoj, kiuj nun (preskaŭ regule aperas en la Jarlibro. Nun la situacio estas ne tre klara: kelkaj kritikoj estas ja evidentaj, sed ne estas evidente, kiel solvi la problemojn estonte.

Pro tio estas ege dezirinde, ke la delegitoj kaj kongresanoj ne nur kritiku la Jarlibron, sed faru pozitivajn, konstruajn proponojn, por ke en plej baldaŭa estonto ni povu ja fieri pri la utileco kaj fidindeco de nia Jarlibro.

*François Lo Jacomo*

## KONGRESANTA KOLEGARO EL BIALISTOKO

La 73-an UK partoprenas delegacio de Bialistoko, en kiu troviĝas interalie vicvojevodo J. Slezak, urbestro Z. Zdrojewski kaj prezidanto de la Bialistoka Kultursocieto J. Jaworski. Krome ĉeestas la prezidanto de la Bialistoka Filio de PEA, St. Dobrowolski, kiuj en interparoloj kun kongresanoj kolektas praktikajn ideojn pri la funkciado de la estonta Monda Esperanto-Centro. La unuajn internaciskalajn E-aranĝojn en Bialistoko oni planas organizi jam venontjare.

## EKSPOZICIO DE ĈINAJ PENTRAĴOJ



国画特展

Pentristo: Tian Wei (kongresa n-ro 2034)
Datoj: ĝis la 30-a de julio inkluzive
Loko: Kongresejo "De Doelen"

## EKOLOGIO KAJ NEŬTRALECO

Ĵaŭdon la 28-an de julio je 14h00 en salono Builthuis okazos publika diskutkunveno pri la propono de Germana Esperanto-Asocio amendi la Statuton de UEA. La propono celas aldoni plian esencan kondiĉon por la laboro de UEA (krom bonaj internaciaj rilatoj kaj la respekto de la homaj rajtoj): nome, la respekto de la ekologiaj bezonoj kaj necesoj. Ĉar tiu amendo ŝanĝus la kutiman interpreton de la neŭtraleco de UEA, nepras kiel eble plej vasta diskuto pri ĝiaj meritoj. Ĉiuj do estos bonvenaj aldiri sian opinion en la kunveno, kiun gvidos Ian Jackson, ano de la Komitata komisiono taskita ekzameni la proponon.

## LA INTERPAROLO DE MAŜINO KAJ HOMO

*Jen pliaj detaloj pri la ĉiutagaj demonstroj kaj IKU-prelego de Ilona Koutny (vidu p. 56 de la Kongresa Libro).*

La *sistemo ESPAROL* funkcianta sur mikrokomputilo povas eldiri iun ajn esperantan tekston kaj simple utiligeblas en instruado, por laŭtlegado kune kun optika legilo, ktp. Tiun sistemon oni demonstras ĉiutage sur la unua etaĝo de la kongresejo.

Se temas pri la *rekono* de homa voĉo, la saman frazon povas eldiri viro aŭ virino, infano aŭ maljunulo. Ili povas diri tion flustre aŭ kriante, rapide aŭ malrapide kaj ni ĝenerale tamen komprenas tion; eĉ ni ofte rekonas la homojn el ilia voĉo. Kompreni la nevarian informon en la ŝanĝiĝantaj cirkonstancoj helpas al la homo la kunteksto kaj la sperto. Komputilo devas eliri el la fizika signalo, kiu ne disfalas al vortoj kaj sonoj. Pro tio la plej oftaj funkciantaj sistemoj rekonas nur izolite diritajn vortojn sekure. Por ke multaj homoj povu utiligi la sistemon, necesas kompleksa referencaĵo aŭ modelo por la rekonendaj elementoj. La rekono de flua parolo estas en esplora fazo; tie necesas segmenti la parolsignalon al sonsimilaj elementoj.

La *instruado* estas homa rilato inter la instruisto kaj la lernanto(j). Komputiloj ne volas anstataŭigi la instruiston, sed kompletigi ties agadon. Ili ebligas memstaran lernadon, ekzercadon, ripetadon per similaj taskoj kaj objektivan prijuĝon.

La grafikaj eblecoj povas "kolorigi" la lecionojn; ludoj povas amuze instrui la materialon. La sintezita parolo, ankoraŭ malofte uzata, certigas pli homan komunikadon inter la lernanto kaj la maŝino, kaj en la lingvoinstruado ĝi povas ekzerci la komprenon, ortografion, ktp.

Por la informinterŝanĝo de malsamlingvaj homoj, servas ofte la *tradukado*. Eĉ sen komputilo demandiĝas, ĉu eblas adekvate traduki. Dum tiu kompleksa procezo transiras la informoj el la eklingva informo al la cellingva. La esenco devas esti konservata ĉe la traduko de informivaj tekstoj — al tio aspiras maŝina tradukado.

La plursenceco de lingvoj aperas en ĉiuj ŝtupoj (fonetika, sintaksa, semantika). La komputila sistemo, kiu procedas laŭŝtupe, sen la kompreno de la situacio, bezonas regulojn, kiuj priskribas la lingvajn rilatojn kaj vortaron, kiu enhavas signifojn, regojn kaj ĉirkaŭajojn de vortoj.

Esperanto povas plenumi la rolon de minimuma lingvomodelo kun sia regula gramatiko kaj pli difinebla semantiko. Tiel ĝi povas peri informojn kiel interlingvo en maŝina tradukado.

Por pliaj detaloj, ĉeestu la IKU-prelegon 9, ĵaŭde je 17h00 en Hodler.

## LA AKADEMIO INTERNACIA DE LA SCIENCOJ (AIS) SAN MARINO

- salutas la partoprenantojn de la 73-a UK kaj aparte la docentojn kaj aŭskultantojn de la 41-a sesio de la Internacia Kongresa Universitato
- invitas al sia 5-a Sanmarina Universitata Sesio (SUS 5), okazonta 1988-08-27/09-05 en la Respubliko de San Marino. (La programo estas havebla en la Libroservo.)
- petas fakulojn pri aŭtomata lingvo-pritraktado kaj interlingvistiko apogi per preleg-ofertoj aŭ per partopreno en la diskutoj la unuan AIS-konferencon en la BENELUKS-landoj, okazonta 1988-10-14/16 en Eupen.
- kuraĝigas ĉiujn finstudantojn de ĉiuj fakoj, kiuj komprenas la internacian lingvon kaj ankoraŭ ne apartenas al la Internacia Sciencista Kolegaro (ISK) de AIS, enregistriĝi en ties elektronikan datumaron per konigo de nomo, fako, adreso, kaj eventualaj sciencistaj gradoj al KN 1759.

*Helmar Frank*
*Prezidanto*

## CENT STAFETO-LIBROJ VENDATAJ

Ne antaŭe anoncitaj, en tre malmultaj ekzempleroj, tiuj ĉi titoloj de la fama eldonejo Stafeto estas ekde lundo haveblaj en la Libroservo.

| | | | |
|---|---|---|---|
| *Aventuroj de pioniro* | | *Koko krias jam!* | |
| Privat | 18,00 | Szilágyi | 24,00 |
| *La bapto de Caro Vladimir* | | *Kontralte* | |
| Borovský, tr. Pumpr | 24,00 | Boulton | 30,00 |
| *Eseoj I — Beletro* | | *… kun siaspeca spico* | |
| Waringhien | 39,00 | Schwartz | 30,00 |
| *La infana raso* | | *Maŝinmondo kaj aliaj noveloj* | |
| Auld | 30,00 | Szathmári | 18,00 |
| *Junaĝa verkaro* | | *Otelo, la maŭro de Venecio* | |
| Privat | 18,00 | Ŝekspiro, tr. Rossetti | 30,00 |
| *Kantoj kaj romancoj* (bindita) | | *Vivo kaj opinioj de Majstro M'Saud* | |
| Heine, tr. Waringhien/Kalocsay | 45,00 | Ribillard | 18,00 |
| *Kiel akvo de l' rivero* (bindita) | | *Zamenhof, aŭtoro de Esperanto* | |
| Schwartz | 45,00 | Boulton | 39,00 |

KVARA NUMERO DE LA
KONGRESA KURIERO
DE LA 73-A UNIVERSALA
KONGRESO DE ESPERANTO

PACO

# JUBILEA FESTO:

## "La neŭtrala lingva fundamento estu lingvo interhoma."

Pasintjare ni festis la centjaran jubileon de nia lingvo, kaj hodiaŭ finiĝas la unua paŝo de ĝia dua jarcento. La plej grava kaj la plej promesa indiko kiun mi povas observi estas la kreskanta evoluo de Esperanto. Jes, mi konstatas: Esperanto vivas, ĉar ĝi progresas. Ĝi evoluas teknike, kiel lingvo; evoluas ankaŭ la ideoj kiujn ĝi vehiklas. La Universala Esperanto-Asocio, hodiaŭ okdekjara, montriĝas ankaŭ ĉiam juna. . .

Kompare kun nia lingvo, samaĝaj inventoj, en kampoj tre diversaj, prezentas hodiaŭ eksmodiĝintajn teknikojn, tiam, kiam kelkaj samaĝaj filozofiaj pensoj aperas hodiaŭ ne plu konvenaj al la nuntempaj kondiĉoj.

La neŭtrala lingva fundamento, iniciatita en 1887 de la juna doktoro Zamenhof, sukcesis adaptiĝi, restinte konforma al siaj fundamentaj teknikaj principoj, al la fulma progreso atingita dum la pasinta jarcento en ĉiuj kampoj de nia ekzistado. Certe, la kondiĉoj de ĝia aplikado ŝanĝiĝis. Ĝi ne plu estas la unika instrumento, por ke "ni komprenu unu la alian". Ekzistas hodiaŭ diversaj lingvoj ŝajne konformaj al internaciaj kontaktoj en respondaj profesiaj kampoj kaj en respondaj geografiaj regionoj. Ekzistas eĉ lingvoj de komunikado inter maŝinoj, bone konataj de ĉiu ajn komputisto. Tial la kampo por Esperanto ne estu lingvo de maŝinoj, sed daŭre estu lingvo de homoj, servanta ilian ĉiutagan interkomprenon, ne necese konkuranta la anglan, la ĉinan, la hispanan aŭ la rusan en oficialaj internaciaj, aŭ, ni diru pli korekte, interŝtataj kunvenoj.

La neŭtrala lingva fundamento estu lingvo interhoma. Anstataŭ ol strebi fariĝi instrumento de politikaj aŭ komercaj interŝtataj marĉandadoj, ĝi vehiklu la konvinkon de libereco kaj egaleco de ĉiuj individuoj, de ĉiuj homoj, sendepende de ilia har- aŭ haŭtkoloro, de iliaj politikaj aŭ religiaj ideoj, kaj de iliaj respektivaj gepatraj lingvoj. Tiamaniere ĝi daŭrigu kontribui al la "granda rondo familia" starigita de doktoro Zamenhof, vivanta en paco, ĉiu "familiano" ĝuanta plenajn homajn rajtojn.

*Inĝ. Ludoviko Zaleski-Zamenhof*

## "Ni devas ĝoje labori."

Karaj gekolegoj!

Bonvenon al la dua jarcento de la internacia lingvo Esperanto. Bonvenon al Roterdamo. Pasintjare ni festis la Jubileon en Varsovio, naskiĝurbo de Esperanto. Ni revekis memorojn pri la fruaj jaroj de la lingvo, pri Zamenhof kaj liaj samtempuloj. Ni promenis la samajn stratojn kiel li, vizitis lian tombon, lian naskiĝlokon. Ni humile admiris lian grandan atingon, sobre funebris la tragikajn perdojn, kiujn suferis li kaj liaj familianoj kaj posteuloj, kaj paŝe jubilis, ke Esperanto, cent jarojn poste, vivas kaj vibras kaj marŝas fiere antaŭen.

Se Varsovio simbolas la komencon de Esperanto, Roterdamo simbolas ĝian estontecon. Universala Esperanto-Asocio, kies ĉefsidejo troviĝas tie ĉi, estas la kuniĝopunkto de vasta, tutmonda movado — movado, kiu konsistas el centoj da miloj da homoj, tra la tuta mondo, kiuj sentas sin parto de tutmonda komunumo. En tiu komunumo oni parolas nur unu lingvon. Ĝi ne estas lingvo de iu aparta ŝtato, nek posedaĵo de unu lando aŭ etno. Ĝi ne estas kodo, taŭga por interŝanĝo de bazaj informoj kaj por nenio alia. Ĝi estas plena kaj kompleta homa komunikilo, kapabla peri la plej profundajn pensojn de tiuj, kiuj uzas ĝin, kaj kapabla ligi ilin per solidareco kaj komuna sento pli forta ol eblus per iu ajn alia lingvo. Jen, karaj kolegoj, nia Esperanto.

Mi veas la vorton "nia", sed verdire ĝi ne estas nia. Ĝi eĉ ne estas "Zamenhofa": ĝi apartenas al ĉiuj, kiuj deziras uzi ĝin. Ĝi estas tutmonda, internacia, universala, interhoma — kiel nomis ĝin inĝeniero Zaleski-Zamenhof.

La Jubileo de Esperanto, kies finon ni nun markas, komenciĝis kiel "nia" klopodo atentigi la mondon pri Esperanto. Ĝi finiĝas kiel vere tutmonda festo. La preparlaboro por tiu festo etendiĝas tra pluraj jaroj. En UEA ĝi kunligiĝis kun la Kvara Ĝenerala Laborplano de la Asocio, akceptita jam komence de la nuna jardeko. Nia revo tuj je tiu stadio mobilizi la tutan Esperanto-movadon en jubileaj preparoj ne realiĝis, nek realiĝis aliaj niaj komencaj paŝoj. Sed la moviĝo de la Esperanto-movado lige al la Jubileo komenciĝis spontane, rapidiĝis, kaj fine fariĝis torento da agado. Ĝin helpis la gvida laboro de UEA kaj de aliaj organizaĵoj, sed ĉefe temis pri vere multflanka, multfaceta agado, kiu enplektis fine ne nur "niajn" homojn sed efektive grandan parton de la ekstera publiko.

Kie kaj kiam komenciĝis la Jubileo? Ĉefa startopunkto estis la rezolucio de Unesko, akceptita en la jaro 1985, per kiu la registaroj agnoskis Esperanton kaj ĝian kontribuon al solvo de la lingva problemo kaj aparte rekonis la centjariĝon de nia lingvo. La rezolucio "invit[is] la Ŝtatojn-Membrojn marki la centjariĝon de Esperanto per konvenaj aranĝoj, deklaroj, eldono de specialaj poŝtmarkoj kaj simile" kaj ĝi instigis al plia rekono de Esperanto en la edukaj sistemoj de la diversaj landoj.

Apenaŭ eblas tro forte emfazi la gravecon de tiu rezolucio, kiu konfirmis la specialan rilaton kun Unesko, kiu ekzistas jam de 1954, kaj kiu malfermis vojojn al la preparlaboroj por la Jubileo. Ni dankas s-ron Tibor Sekelj kaj liajn helpantojn en Parizo kaj aliloke pro tiu ĉi grandioza atingo.

Sed ĉiuflanke komenciĝis la laboroj. Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo — CED, nia esplora fako — kunordigis kaj aŭspiciis serion de fakaj konferencoj pri aspektoj de Esperanto kaj la lingva problemo en Parizo (sub aŭspicio de Unesko), en Novjorko (kunlabore kun la traduka fako de Unuiĝintaj Nacioj), en Tokio (kun subteno de la Unesko-komisiono kaj organizita de Japana Esperanto-Instituto) kaj en Vieno (en kunlaboro kun la Internacia Esperanto-Muzeo, la Viena Universitato kaj aliaj instancoj). Planojn oni formulis por senprecedence granda eldona agado. Jubileaj eldonaĵoj komencis aperi ĉiuflanke, ankaŭ sub la ŝildo de UEA. Aperis ĉe UEA novaj eldonoj de *Plena analiza gramatiko* kaj de *Esperanta antologio*. Aperis bazaj libroj pri Esperanto kaj la Esperanto-movado ankaŭ sub ŝildo UEA. CED aperigis specialan numeron de sia revuo *Lingvaj problemoj kaj lingvo-planado* dediĉitan al Esperanto. Kaj la agado daŭras. Aperos pli malfrue en la nuna semajno la Jubilea Libro, memorlibro, kiun UEA eldonas kiel kulminon de la jubilea periodo.

**Paco**

estas temo, pri kiu oni verku librojn kaj ne enkondukojn — aŭ eble simple praktiku! Ni fakte pli emis al la titolo "Spaco", ĝuste pro ĝia manko en ĉi tiu numero. Espereble ne necesos "Karapaco" por elteni la riproĉojn de artikol-verkintoj! Ni aperigos laŭeble multajn kontribuaĵojn en la venonta numero, kiam ne plu temos pri la fermo de la Jubilea Jaro, sed (interalie) pri la Tago de la Paco — kies tuttagan solenadon nia hodiaŭa titolo prifestas.

### NOVAJ PROGRAMEROJ

**ĵaŭdo 28:**

Zamenhof 11h00-12h00 kaj 13h45-14h45: du filmoj de Roman Dobrzynski: *Kristnasko en Salvador*, nova filmo de tiu ĉi fama ĵurnalisto/reĝisoro); kaj *Esperanto*, kiun nepre vidu ĉiuj esperantistoj.

Hodler 13h00: kunsido pri la "Plano Sekelj", por enkonduki Esperanton en praktikan uzon.

Bulthuis 14h00-15h00: kunveno de Asocio de Verdulaj Esperantistoj (AVE), ekologiisma movado.

Zamenhof 15h00-16h00: kantoj fare de la bulgaraj artistoj Adamova, Angelova kaj Kostova, akompanataj de s-ino Puŝova (Sovetunio).

Drees 16h00-17h00: kunveno en la kadro de Esperanto-Centro Paderborn.

Hodler 18h00: La pupteatraĵo okazos en Hodler kaj ne en Grabowski.

**vendredo 29:**

Grabowski 12h30-13h30: dumlunĉa koncerto fare de kantistoj Smyčka kaj Vich (Ĉeĥoslovakio), akompanataj de s-ino Puŝava (Sovetunio).

Uitterdijk 14h00: kunveno de la Kvakera Esperantista Societo (KES). Ĉiuj bonvenas.

Cseh 15h00-16h00: demonstro de la kalkul-metodo "Sorobano".

### DUA TERMINOLOGIA KONFERENCO

Kvindek personoj partoprenis la 2-an konferencon de Terminologia Esperanto-Centro lunde en salono Szerdahelyi. D-ro Detlev Blanke (81) resumis pri kio okupiĝas TEC (interesuloj petu de li pliajn informojn). TEC estas institucio de UEA; ĝia financa bazo estas la fondaĵo Wüster. Ĝis nun aliĝis al TEC 115 fakuloj el 28 landoj; ĉe TEC estas reprezentataj 14 fakaj kaj 17 landaj E-asocioj, krom 4 nemovadaj institucioj. TEC registras ĉiujn fakulojn, kiuj deziras partopreni en ellaborado de esperantlingva terminologio de iu fako, informas ilin pri tio kion faras aliaj fakuloj-esperantistoj ĉiterene, pretas kunordigi iliajn laborojn, ktp.

Kelkaj novaĵoj aŭdiĝis dum la diskuto.

• Prof. Stop-Bowitz anoncis, ke estas jam plano pri reviziado de PIV.

• En septembro de 1989 oni organizos dusemajnan terminologian kurson en Pisanica (Bulgario). Por tiu kurso materialoj estas bezonataj.

• Petr Chrdle informis, ke post duonjaro estos preta la manuskripto de la terminologia kurso, kiun organizis TEC en Ĉeĥoslovakio antaŭ du jaroj. Tiun verkon de Werner eldonos TEC.

• András Lukács, redaktoro de *Fokuso*, anoncis ke tiu ĉi esperantlingva popular-scienca revuo, eldonata en 2.000 ekzempleroj, pretas publikigi ankaŭ terminologiajn artikolojn.

### KOMITATANOJ!

Bonvolu preni vian ekzempleron de la Strategia Plano ĉe la Informejo apud la Rendevua Tabulo ekde ĵaŭdo posttagmeze.

### AUTOROJ SUBSKRIBAS

Vendrede en la Libroservo, la jenaj aŭtoroj ĉeestos por subskribi siajn librojn:

10h00-12h00
Reto Rossetti
(*Kvaropo*, *Pinta krajono*, ktp)

12h00-14h00
Rüdiger Eichholz
(*Esperanta Bildvortaro*)

14h00-17h00
Gerrit Berveling
(tradukinto de *Laŭdo de l' stulteco*)

### ŜTORMA AKADEMIA KUNSIDO

"La batalo finiĝis": per tiuj vortoj la prezidanto de la Akademio de Esperanto provis fermi ĝian publikan kunvenon duonhoron antaŭ la antaŭvidita fino. Sed la kontraŭstaro de la ĉeestantaro devigis d-ron Albault utiligi la tutan disponeblan tempon, ludante la plej malfacilan rolon en la ŝategata esperantista sporto de lingvaj disputoj. Fakte, malofte en tiaj kunvenoj la gekongresanoj prenas la parolon por demandi: ili plejofte preferas aserti. Kaj preskaŭ neniam ili kontentiĝas pri la oficialaj respondoj de la akademianoj — kiuj laŭstatute ne rajtas proponi aŭ malakcepti novaĵojn, sed nur agnoski aŭ forpuŝi proponojn jam jardekojn trapruvitajn fare de la Esperanta parolantaro.

Ĉefrolis en la kongresa publika kunsido la ĉiama malfacila demando pri la esperantigo de nacilingvaj propraj nomoj. Tiurilate, male ol Rikardo Ŝulco, kiu ĉiam plene Esperante transskribas la originalojn, la akademianoj De' Giorgi kaj Bernard pli ŝatas lasi ilin senŝanĝaj. Kun la aldono de interparenteza proksimuma Esperanta prononco, preferas Stop-Bowitz, dum Eichholz proponas la uzadon de Esperanta transskribo kun foja interparenteza aldono de la originala nomo. Albault mem ne malkonsilas la legadon de la originalaj skribformoj rekte per la reguloj de Esperanta fonetiko, sed li komprenebl kaj akademiestre konkludis, ke modero kaj modesto estas la solaj vojoj por solvi ĉiujn problemojn.

NUN HAVEBLAS ĈE LA LIBROSERVO:

### Sonĝpoemo pri Ponto

Tiu ĉi disko de daŭra valoro konsistas el la titol-kanto kaj dek unu aliaj, kantataj de la islanda E-koruso Hljómeyki. Pri la kanto "Sonĝpoemo pri Ponto" raportis la revuo *Esperanto*: "Tiu virtuozaĵo por miksita koruso kaj soprana, alda kaj baritona solvoĉoj, bazita sur juvela poemo, havas ĉiujn kvalitojn de nova himno por la movado."

# KONGRESA KURIERO, KVARA NUMERO (ĴAŬDO)

## TAGO DE LA LERNEJO:

### Maratona mozaiko

Nura cento da kongresanoj spertis, post enkonduko de la prezidanto de ILEI, maratonan tri-horan mozaikon de novaĵoj el la eduka mondo, prezentitaj de dudeko da intervenintoj. S-ino Szanser raportis pri la unua metodika kurso pri instruraĵtigo, jus sukcese okazigita en Svislando. Sekvis raportoj el tri afrikaj landoj (Tanzanio, Centrafrika Respubliko kaj Ruando) pri lokaj kluboj kaj instru-klopodoj. La aplikon de teknologio al instruado skizis Zs. Barcsay (vidbenda kasedo, kiu prezentas ok model-lecionojn) kaj I. Koutny (uzo de paroł-sintezo en komputila instruado). La helĝantajn perspektivojn por instruado en Sovetunio prilumis A. Melnikov, aldone al aktualaj raportoj pri universitataj fakoj en Budapeŝto kaj pluraloke en Ĉinio. Metodikajn intervenojn plenumis S. MacGill kaj D. Keefe; novaj oficialaj ekzamen-eblecoj en Germana DR kaj Britio estis skizitaj, kiel ankaŭ la planoj de ILEI modifi kaj larĝigi la Internaciajn Ekzamenojn de UEA/ILEI. Apelacio por pli da membroj en la Instruista Ligo kaj informoj pri ĝia venonta konferenco en Kimrio, tuj post la venonta UK, kompletigis tiun matenan sesion.

Posttagmeze la aranĝo prenis alian formon kaj traktis la temon "La ĝustaj formoj de la lerneja politiko koncerne la oficialan enkondukon de Esperanto en lernejojn". Ĝin enkondukis s-ro Edward Symoens, post kio la kvindek-kapa publiko dividiĝis en tri grupojn por diskuti diversajn aspektojn de la problemaro, kaj horon poste protokolistoj el ĉiuj grupoj resumis la diskutojn en la pleno.

La nova estraro de ILEI, elektita tuj antaŭ la 73-a UK ĉe la konferenco en Kerkrade, estas jena: prezidanto, Edward Symoens (kunordigado; informado en pedagogiaj medioj; rilatoj kun Unesko, UEA kaj aliaj institucioj); ĝenerala sekretario, Audrey Childs-Mee (rilatoj kun sekcioj, membroj kaj UEA; internaciaj korespondaj kursoj; pedagogia prizorgo de infanaj kongresetoj; adreso Postbus 25041, NL-3001 HA Rotterdam, Nederlando); vic-prezidanto, Stefan MacGill (lerneja projekto; statistiko de lerneja instruado; Internaciaj Ekzamenoj kaj iliaj kursoj); kasisto, Bertil Andreasson (financa administrado; financaj rilatoj kun sekcioj, ILEI-konferencoj kaj aliaj organizaĵoj; adreso Södra Rörum pl 455, S-242 94 Hörby, Svedio); vic-sekretario, Malcolm Jones (venonta konferenco; lernejana korespondado; unuecigo de naciaj ekzamen-sistemoj); aliaj estraranoj, Zhang Danchen (sekcioj kaj evoluo en Azio, Afriko kaj Latinameriko) kaj Till Dahlenburg (gvido de la pedagogia komisiono de ILEI; Internaciaj Ekzamenoj; Superaj Metodikaj Kursoj; Internaciaj Metodikaj Seminarioj).

Aliĝoj al ILEI: 40 svedaj kronoj jare, al la kasisto aŭ pere de UEA.

### ANONCETOJ

En la Libroservo estas granda elekto da **insignoj** ligitaj al la centjariĝo de Esperanto. Ne hezitu aĉeti!

* * *

**Poŝtaĵoj** senditaj al la 73-a UK por vi, kaj **perditaj objektoj**, troviĝas en la Informejo (centra halo).

* * *

**Reformemuloj ĉiuklaj** vespermanĝos kune vendredon por diskuti eventualan komunan reformprojekton. Kontraŭsupersignuloj, j-malamantoj, plifaciligemuloj, favorantoj al vira sufikso, nov-fundamentistoj, k.s. renkontiĝu ĉe la ĉambro Szerdahelyi je la 18h00 tuj post la Junulara Forumo.

* * *

**Informoj pri trajn-horaroj** haveblos de fervojistoj en la centra halo de la kongresejo ĵaŭdon 16h00-18h00, vendredon 10h00-13h00, kaj sabaton 10h00-14h00.

* * *

Estas preparata **studvojaĝo tra tuta Azio**. La du ĉefaj celoj estas esplori kaj dokumenti la ekzistantan Esperanto-agadon. Se vi havas ideojn, proponojn, konsilojn ktp, bonvolu veni al la loko Amik' en Afrik' en la kongresejo; tie atendas vin Joachim Werdin (195).

* * *

Antaŭ la ĉambro Grabowski, ĵaŭdon je la 19h00, ni petas kunveni **ĉiujn hungarojn el iu ajn lando** por konstati kiom da hungar-devenaj esperantistoj kongresas. Do, venu!

* * *

Aŭskultu ĉiun vesperon je la 19h30 la **mondajn novaĵojn en Esperanto**. La novaĵoj estas bone aŭdeblaj en la unua etaĝo.

* * *

Jen via lasta ŝanco aĉeti **lotumajn biletojn** por du senpagaj semajnoj en Bialistoko. Ili kostas nur po du guldenojn ĉe la giĉeto Bialistoko. La nomo de la gajninto aperos vendredon sur la anonc-tabulo apud la Informejo.

* * *

Interesitoj pri **kooperativa kaj komerca kunlaboro kun Sovetio** pere de Esperanto (interŝanĝo kaj/aŭ produktado de varoj), turnu vin al A. Melnikov (2111), kiu ankaŭ volonte interŝanĝos reciproke afiŝojn kaj aliajn materialojn por ekspozicioj pri paco, naturprotekto, abstinenco k.s.

---

*La libro de la jaro*
*pri la jubileo de la jaro:*

**jubileo**

jarcento de esperanto

**Hodiaŭ** aperis tiu ĉi riĉe ilustrita kroniko de la centjariĝo de Esperanto. Unika memoraĵo pri unika evento!

Ne malhavu la specialan **kongresan rabaton**: aĉetu nun ĉe la Libroservo. UEA-prezidanto Humphrey Tonkin ĉeestos por subskribi ekzemplerojn, 17h-18h ĵaŭde.

---

### VERKISTOJ KUNSIDAS

Trideko da membroj de la Esperantlingva Verkista Asocio kunvenis dimanĉon posttagmeze por aŭdi raporton de Tibor Sekelj, prezidanto de la Asocio. Laŭ tiu raporto, dum la pasinta jaro la membronombro montris negrandan kreskon.

La komisiono por klasikaĵoj ankoraŭ ne eklaboris pro manko de gvidanto, sed la komisiono por kontrolado de manuskriptoj, sub la gvido de akademiano Reto Rossetti, plenumis laŭdindan laboron. Bonan rezulton registris ankaŭ la unua konkurso por originala teatraĵo, kaj por la dua, kun la samaj allogaj monpremioj donacitaj de Adamo Goraŝki, la limdato por la alsendo de manuskriptoj estas plilongigita ĝis la fino de oktobro ĉi-jara. La tri plej bonaj konkursaĵoj ricevos premion, kaj la unue premiita estos verŝajne ludata dum la UK en Brajtono, en 1989.

### MUZIKISTOJ JUBILEAS

Okaze de ĝia 25-jara ekzistado, la lunda kunveno de Muzika Esperanto-Ligo (MEL) estis aparte festa. La prezidanto D. Terziev raportis pri sukcesoj kaj problemoj dum la pasinta periodo.

Estis honorataj veteranoj kiel s-ro Sergio Docal kaj estraranoj kiel S-ro Niklaus Weiss, la nuntempa sekretario.

La kunveno decidis ke la dekjara jubileo de la Internacia Ĥoro okazos en Bulgario dum junio 1990. Oni elektis komisionon por prepari planon pri tiu aranĝo.

---

La monatoj pasis, kaj la agado kreskis: kongresoj kaj jubileaj eventoj en amaso da landoj — Svedio, Ĉinio, Hungario, Britio, Aŭstralio, Ebura Bordo kaj aliloke; Kultura Festivalo en Zagreb; SAT-kongreso en Bulonjo-sur-Maro; Konferenco de Neŭtrala Esperanto-Movado en Graz — kaj nia 72-a Universala Kongreso de Esperanto en Varsovio. Aliĝis al la Varsovia kongreso preskaŭ 6000 homoj, sed eĉ pli da esperantistoj kolektiĝis en Varsovio dum tiuj tagoj. Senprecedence granda estis la festado, senprecedence imponaj la ceremonioj. Pli ol ĉiu ajn alia aranĝo de la jubilea periodo la Universala Kongreso en Varsovio — kaj ĝia antaŭulo la Universala Kongreso en Pekino — pruvis ke Esperanto vivas, kaj ke ĝia socio de parolantoj kaj uzantoj tenas ĝin fleksa, bela kaj junueca, dum la kulturo Esperanta ekspansias kaj riĉiĝas kaj la lingvo fariĝas aŭtentike tutmonda.

Tiu agado — tiuj kongresoj kaj konferencoj, tiuj eldonaĵoj, tiuj aliaj okazintaĵoj — havis siajn paralelojn je ĉiuj niveloj. Mobilizite, la apogantoj de Esperanto ĉie intervenis. Mi persone, ekzemple, intervjuiĝis de mia loka vilaĝa ĵurnalo kun dumilo da legantoj, sed ankaŭ aperis en televida programo spektata de ses milionoj da homoj kaj tradukis tekston de artikolo pri Esperanto kiun legis 35 milionoj da homoj. Ĉiu kune, niaj elpaŝoj al ĵurnaloj, gazetoj, radio, televido, en la diversaj landoj rezultigis milojn da artikoloj. En ĉiu ajn tago de la jubilea periodo aperis dise tra la mondo kelkaj artikoloj, eĉ multaj. La fina rikolto certe havis suman legantaron de kelkaj centoj da milionoj da homoj. Neniam antaŭe en nia historio la atento al Esperanto estis tiel granda.

En Japanio, granda kaj grandanima donaco ebligis la fondon de azia centro de UEA, kies preciza formo estas nun sub diskuto. Kaj en Pollando oni proponis la plej grandan projekton iam ajn proponitan kunlige kun la Esperanto-movado, nome kreon de granda Centro Zamenhof en la naskiĝurbo de la iniciatinto de Esperanto, Bialistoko. Tiu centro reprezentas koincidon de interesoj inter la lokaj instancoj kaj la Esperanto-movado, kun aktiva subteno de la naciaj aŭtoritatoj kaj la patroneco de la prezidanto de la Pola Parlamento s-ro Roman Malinowski. S-ro Malinowski intencis partopreni la hodiaŭan aranĝon tie ĉi en Roterdamo, sed lastmomente rezignis pro devoj en Varsovio. La Centro Zamenhof estos samtempe regiona kultura centro, kaj internacia kultura centro de Esperanto, kun teatro, muzeo pri Zamenhof kaj lia epoko, biblioteko, konferencejo, hotelo, kursejo. Ĝi enhavos esplorcentron pri esperantologio kaj interlingvistiko, proponos kursojn pri Esperanto je ĉiu nivelo kaj okazigos kunvenojn kaj konferencojn. La realigo de la planoj de la Centro rekte dependas de nia kapablo montri subtenon al la grandaj planoj de la vicvojevodo Slezak, la urbestro Zdrojewski, prezidanto de la Bialistoka Kultura Asocio Jaworski (ĉiuj el kiuj ĉeestas la kongreson tie ĉi) kaj aliaj. Gravegas, ke ni montru nian moralan kaj materian subtenon al tiu agado.

Kaj tiel ni paŝas al la dua jarcento. Kelkaj ne akompanas nin. Hieraŭ ni funebris la pason de pluraj grandaj figuroj de nia movado — Drees, Lapenna, Neergaard, Denoel, Isobe, Szerdahelyi. Pli ol ĉiu ajn alia, Lapenna estis la arkitekto de la moderna UEA. Lia forpaso ĝuste fine de la unua jarcento de Esperanto levas grandan demandon antaŭ ni: Kiel pludaŭrigi en la duan jarcenton la laboron, kiun li komencis, kaj kiel uzi liajn sukcesojn kiel fundamenton por novaj, pli altaj atingoj?

Grandas la figuroj, kiuj forpasis. Grandas la pioniroj de la Esperanto movado, kiuj kontribuis al la progreso en la unua jarcento. Sed grandegas la fortoj haveblaj hodiaŭ — novaj, freŝaj fortoj; fortoj harditaj de la sperto; fortoj celkonsciaj kaj klarvidaj. La Jubileon faris ne unu homo aŭ kelkaj, sed ni ĉiuj. ... Nia Esperanto vivas ĉar ĝi ĉie troviĝas — en Ĉinio, en Afriko, en la Ameriko), en Eŭropo, en Oceanio. Nin ligas komuna lingvo, komuna idealo, kaj komuna laborkapablo. Jen la fortoj, kiuj transportos nin al novaj sukcesoj en la venonta jarcento.

Kaj kion ni faru por pretigi nin por tiu ĉi nova jarcento? Ĉi tie en Roterdamo la Komitato de UEA pridiskutas novan Strategian Planon de UEA. Ĝi emfazos la instruadon de Esperanto, informadon pri ĝi, la praktikan aplikadon de la lingvo, kaj edukadon al tutmonda konscio, al la internaciista idealo. Ĝi atentigas ke ni ankoraŭ ne plene kaj plej efike utiligas niajn grandajn homfortojn, ke ni devas pli solidarece, disciplinite kaj (se mi rajtas tiel esprimi min) ĝoje labori por nia komuna celo. Mi esperas, ke la Komitato, post zorga konsidero kaj eventualaj modifoj, akceptos tiun ĉi planon, kiu donos al ni bazon por la estonta agado kaj fiksos niajn ĉefajn prioritatojn. Ĝi estos fleksebla plano, ŝanĝebla en estontaj jaroj, sed ĝia kombino de praktikaj celoj kaj gvidaj idealoj espereble ebligos koheran kaj celkonscian agadon en venontaj jaroj.

Kial mi uzas la vorton "ĝojo"? Kial mi parolas pri idealoj? Ĉar, karaj gekolegoj, la laboro por Esperanto ne estas facila. Tiel bela, simpla kaj trafa ideo ofte renkontas mokojn, ofte trovas reziston, inter tiuj, kiuj kontentas pri la nuntempo aŭ, manke de propraj idealoj, ne povas agnoski ilin ĉe aliaj. Tiu bela ideo, tiu logika solvo, ne estas facile klarigebla al aliaj sen zorga konsidero de la argumentoj, kaj eĉ tiam ĝi povas kolizii kun la egoistaj aŭ malvastaj interesoj de tiuj, kiuj ĝuas en la nuna lingva malegaleco avantaĝojn. Ne estas facile labori por tiel postulema mastro kiel estas tiu nia komuna lingvo: necesas respondi leterojn, skribi leterojn, interveni ĉe instancoj, varbi homojn por kursoj, instrui ankoraŭfoje la korelativojn, redakti, kunsidi, multobligi, telefoni, glui, ekspedi, protesti, kunordigi, pacigi, registri, kalkuli, kvitanci, protokoli — temas pri tuta terminaro de organizado kaj administrado.

Sed tiuj verboj, tiuj operacioj, ne estas celoj, sed rimedoj; ne estas atingoj, sed operacioj. Disputi pri detaloj, trovi erarojn ekzistantajn aŭ neekzistantajn en protokoloj, krei ĵaluzon aŭ malpaciĝon inter la homoj, aŭ eĉ tiel konduti, ke nur oni pravas, kaj neniel la aliaj — tiuj estas ofte la agoj de tiuj, kiuj perdis la ĝojon de esperantisteco; de tiuj, kies koro ne plu saltas je la unua kantado de la Himno en kongresoj; de tiuj, kiuj ne plu sentas tiun koncentriĝon de intelektaj fortoj kiam ili kun eksterstarantoj diskutas pri la meritoj de Esperanto. Tiuj estas la agoj, de tiuj kiuj perdis la grandajn celojn kaj faras celon el la propra pravo, el la propra venko.

Pro tio, karaj gekolegoj, mi parolas pri ĝojo. Pro tio mi atentigas, ke la rutinaĵoj de la esperantista vivo estas nur punktetoj en tutmonda strebado de miloj da homoj — esencaj punktetoj, sed nepre konsiderenda en pli granda kunteksto.

Kaj la vojo estas malpli facila ol ĝi ŝajnas. Pli da pordoj malfermiĝas al ni (kiel mi ofte diras) ol ni kapablas trapasi. Pli da bona volo ekzistas inter tiuj kiuj ĝis nun ne aŭdis pri Esperanto, aŭ inter tiuj kiuj ne pripensis ĉiujn ĝiajn detalojn, ol ni imagas. Se venas rezisto, ŝanĝu la taktikon, aŭ aliru la celon laŭ alia direkto. Estu saĝe memkritika. Lernu mem pli bonajn kaj efikajn argumentojn. Kaj faru tion ĝoje, ĉar la celo de nia lingvo estas ĝoja celo. Havu kuraĝon, ĉar niaj antaŭuloj havis kuraĝon kaj ĉar la celo ĝin meritas. Trovu en ĉiu homo la bonan kaj ne insistu pri la malbono. Trovu tion, kio taŭgas; ne elstarigu tion, kio maltaŭgas. Kaj komune ni venkos la obstaklojn, kiuj staras antaŭ ni — ankaŭ la obstaklojn de ni mem levitajn.

Mi esperas, ke vi ĉiuj iros hejmen fine de la nuna semajno refortigitaj. Mi esperas, ke vi forportos novajn sciojn kaj novan energion. Mi esperas, ke vi ne foriros kun intelekta valizo pakita de via propra pravo, etikedita nur de trafaj rebatoj en komitatkunsidoj aŭ de sukcesa dereligo de tiu aŭ alia ideo, kiun vi opinias malsaĝa. En via valizo estu scio, en via valizo estu novaj kontaktoj, en via valizo estu sento de membreco en internacia kaj interhoma socio, kaj la etikedoj estu etikedoj pri veraj pozitivaj atingoj kaj novaj planoj por la venonta laborperiodo.

Kaj fine mi esperas, ke via valizo plenos je nova konscio pri la graveco de nia Universala Esperanto-Asocio, kiu tie ĉi troviĝas en unu modesta domo en Nederlando, sed kies influo disradias tra la tuta mondo kaj trans la jarcentoj de nia internacia lingvo.

*D-ro Humphrey Tonkin, Prezidanto de UEA*

KVINA NUMERO DE LA

KONGRESA KURIERO

DE LA 73-A UNIVERSALA

KONGRESO DE ESPERANTO

# APRECO

## TAGO DE LA PACO:

"La Tago de la Paco" ĉijare okazis en salono Grabowski kun ĉirkaŭ 120 partoprenantoj. La temo estis "Paco, Ekologio kaj Socia Justeco". Referantoj el diversaj landoj kontribuis per prelegoj kaj kantoj. Unu el la kantoj estis speciale farita por la Paco-tago.

Ankaŭ filmoj provis helpi komprenigi la temon. La ĉeestantaro en rezolucio faris konkretajn proponojn pri starigo de komisiono ene de UEA pri mediprotektado kaj socia justeco. Ankaŭ ili proponas starigon de serion de broŝuroj pri tiaj temoj.

## ESPERANTOLOGIA KONFERENCO:

Jonathan Pool, Probal Daŝgupto, kaj la organizinto Klaus Schubert prelegis ĵaŭdon matene pri la lingvoplaniko, la gramatiko kaj la perkomputila tekstoprilaborado, klarigante ilian nunan staton kaj kion povas lerni de ili la esperantologoj. Ili ĉiuj skizis ankaŭ ĝeneralan historion de la respektivaj terenoj, tiel ke la aŭdantaro povis ĉerpi de tiuj prelegoj ankaŭ konceptan kaj metodan perspektivon — ne nur lige kun Esperanto, sed el la vidpunkto de la klerigo.

Tamen ĝuste Esperanton emfazis la matenaj demandoj al la prelegintoj kaj la posttagmezaj diskutoj de la publiko kaj de la podianoj (la matenuloj plus Preben Bagger, Ilona Koutny, kaj Victor Sadler). Aparte gravis al ĉiuj la demando, ĉu kaj kiel en Esperanto aperas efektivaj normoj, kaj kio konservas ilin.

### INTERNACIAJ EKZAMENOJ

Deko da homoj trapasis marde matene la skriban parton de la Internacia Ekzameno (elementa kaj meza niveloj). La meza aĝo estis 53 jaroj. Ĉu la kotizo ne estis tro alta por junuloj?

La nivelo de la skribaj taskoj estis tute kontentiga, kaj la parola parto ankoraŭ ne okazis, kiam mi verkas tiun ĉi teksteton. Post kelkjara sperto pri tiu ekzameno, ILEI prezentos al la Komitato de UEA, ĉi-sabate, proponon pri nova regularo de la Internaciaj Ekzamenoj. Iom post iom plibonigos la sistemo, kiu ja respondas al vera bezono, interalie por landoj, en kiuj ne ekzistas naciaj Esperanto-ekzamenoj.

### ZAMENHOF- KAJ ESPERANTO-MONUMENTOJ

La komisiito de UEA pri monumentoj, Hugo Rollinger (1588), informas ke je la fino de la Jubilea Jaro, la 26-an de julio 1988, estas registritaj 731 monumentoj, stratoj, parkoj kaj similaj oficialaj objektoj nomitaj laŭ Zamenhof aŭ Esperanto. Li dankas al ĉiuj informintoj kaj informontoj en la kvin kontinentoj pro afabla kunhelpo al tiu fieriga bilanco, kaj ofertas havigi la kompletan, riĉe ilustritan liston kun ĉ. 175 fotoj sur ĉ. 130 libropaĝoj laŭ Rendevua Tabulo aŭ post-kongresa kontaktiĝo.

## Disvastigi Esperanton inter la junularo

Okaze de sia 50-jariĝo
Tutmonda Esperantista Junulara Organizo (TEJO)
kunsidante dum sia 44-a IJK inter la 15-a kaj 22-a de julio 1988 en Zagrebo
kun 700 kongresanoj el 46 landoj pri la temo "Komunikado en la 21-a jarcento"

*analizante* la aktivecojn de TEJO dum ties 50-jara ekzistado, en kiuj internaciaj rilatoj, kompreniĝo, konatiĝo kaj proksimiĝo inter gejunuloj sendepende de diferencoj rilate al nacieco, raso, sekso, religio, politiko, socio kaj lingvo, ludis elstaran rolon;

*konsciante* ke la internacia lingvo Esperanto fariĝis plenmatura, senpera komunikilo inter la tutmonda juna esperantistaro;

*emfazante* la gravecon de neŭtraleco kaj de la celoj de TEJO tiaj, kiaj ili estas difinitaj en la TEJO-regularo;

*konstatante* la aktualan valoron de la idearo de la junaj Zamenhof, Hodler, Privat kaj aliaj klasikuloj de Esperanto;

*alvokas* la junan esperantistaron daŭrigi la vojon de Zamenhof kaj de la fondintoj de TEJO, en spirito de paco, laboremo kaj espero;

*opinias* ke aktiva neŭtraleco ne signifas silentadon, sed senpartian kunlaboron, aktiviĝon kaj malfermiĝon laŭ la instigoj de la deklaracioj kaj manifestoj de TEJO;

*substrekas* ke disvastigi la uzadon de Esperanto inter la junularo estas konstanta tasko de ĉiuj esperantistoj;

*atentigas* pri la gvida rolo de TEJO en tio;

*rekomendas* instigi registarajn instancojn kaj neregistarajn, precipe junularajn organizaĵojn, konsideri la valorojn kaj atingojn de Esperanto ĉe la junularo, la generacio de morgaŭ.

### Apreco

laŭ Plena Ilustrita Vortaro signifas "kompetente taksi la artan valoron de io". Nu, estas amaso da aprecoj ĉi-numere, espereble kompetentaj, sed ni ankaŭ celas la vorton en malnova senco: ŝato kaj danko. Tio iras al ĉiuj kontribuintoj al niaj paĝoj, kiuj liveris anoncetojn, reklamojn, artikolojn, leterojn kaj ĉiajn specojn de kuraĝigo. Inter ili troviĝas: Giulio Cappa, Aleksandr Melnikov, Grażyna Mirkiewicz, Francois Lo Jacomo, Géza Felsö, Probal Daŝgupto, Jila Sabeh-Zamani, Lees Demmendaal, Edward Symoens, Stefan MacGill, Rob Vetter, Rob Keetlaer, Catrien Bossong, CO-oficistoj dormantaj kaj nedormantaj, la Analiza Skolo, dudek tri valizoj pokitaj de propra pravo, kaj la Esperanta Kapuntaro de Jonathan Cooke.

### VIZITO AL LA INFANA KONGRESETO

La Infana Kongreseto estos vizitebla de gepatroj kaj interesitaj kongresanoj vendredon, la 29-an de julio ekde la 15h30, ĉe Scout-Centrum, 's-Gravenweg 101, Capelle aan den IJssel.

La kongresetejo estas atingebla per subtera fervojo (metroo) ekde la Centra Stacidomo. Eliru post du haltejoj ĉe Beurs, ŝanĝu trajnon en la direkto Ommoord/Zevenhoek, eliru post ses haltejoj ĉe Capelse Brug, iru maldekstren en la halo, promenu laŭlonge la subteran fervojon en la direkto Capelle a/d IJssel, post dek minutoj transiru la fervojon dekstren, kaj promenu ankoraŭ kvin minutojn rektan vojon ĝis maldekstre vi vidos Scout-Centrum (Skolteja Centro), kie la 33 infanoj el 15 landoj estas preparintaj por vi malgrandan prezentadon.

### KELKAJN VORTOJN PRI BET-ISMO

Ĉiuj ismoj havas sian aĝon. Iam eĉ duoblan: vortan kaj enhavan. Ekzemple, "zagrebismo" — tiun sonkombinon la subskribunto aŭdis unuafoje nur en ĉi tiu kongreso. Kio, tutcerte, ne signifas liaflankan ignoron rilate al la longa kaj glora historio de Internacia Kultura Servo kun ĉiuj ties "zagrebaĵoj".

La vorton "BET-ismo" inventis mi mem. Tamen ĝian enhavon la esperantista popolo ĝuas jam 30 jarojn. Jen kun helpo de Ŝekspiro, jen de Arbuzov, kaj ankaŭ de P. Panĉev, el kies verkaro la Bulgara Esperanto-Teatro (BET) elektis por la nuna kongreso *Fabelon pri kolpakoj*.

Unu el la protaganistoj de tiu fabelo diras: "Eĉ por la palacoj reĝaj mi ne ŝanĝus vin." Tiu formulo plene taŭgas por la kolektivo, kiu daŭre konservas siajn tradiciojn: kaj se temas pri la profesieco en aktorado aŭ reĝisorado, kaj koncerne la elekton de surscenigotaj dramoj. Tio povas plaĉi aŭ ne, sed almenaŭ ĉiu spektanto scias, ke lin aŭ ŝin ne surprizos iaj modernaj dubindaĵoj kaj riskecaj eksperimentoj. Eble pro tio la spektakloj de BET ĉiam estas varme akceptataj.

La jaŭda Teatra Vespero ne estis escepto.

### VIDBENDO PRI TAJĜIĈJUAN

Por uzi kaj disvastigi Esperanton, sanigi kaj vivlongigi esperantistojn, nia asocio speciale faris vidbendon "Simpligita Tajĝiĉjuan".

Tiu ĉi vidbendo estas farita laŭ ĝenerale uzata lernolibro de la Ĉina Sporta Instituto. La prezentantino ludas sperte, precize kaj norme. La vidbendo faras detale klarigon en Esperanto por unuopa pozo. Ĝi estas figurlernolibro malfacile akirebla por lerni tajĝiĉjuan. Ĝi estas eldonita de la Eduka Son-vida Eldonejo de Liaoning. Se vi volas, vi povas aĉeti ĝin en la Libroservo. Prezo: 150 guldenoj.

*Esperantista Luktarta Asocio*

### KIU CENZURIS *MEFISTON*? REAGO AL LA FILMA VESPERO

La arta valoro de la hungara filmo *Mefisto* ne estas dubinda. Kelkfoje premiita filmo certe indas esti popularigata per Esperanto, kaj indas ankaŭ popularigi Esperanton per la altnivelaj filmoj.

Bedaŭrinde oni ankoraŭ ne povas postuli de ĉiuj, kiuj parolas Esperanton, ke li aŭ ŝi parolu tiel belege kiel profesoro John Wells. Do ĉi tie ni lasu la demandon pri la lingva nivelo en la filmo, precipe pri prononcado. Unue pro tio, ke malgraŭ ĉio ni ne povas ne aprezi la grandegan laboron faritan per magraj rimedoj. Due, ni devus eĉ malnovajn postulojn pri Esperanto parolata klare kaj kompreneble por ĉiuj nacioj.

Tamen la filmo ekigis ankoraŭ alian problemon, ŝajne tute novan. Ĉiuj kiuj vidis la filmon ne esperantigitan certe rimarkis, ke la Esperanta versio estis iomete pli mallonga ol la originalo. Kiu cenzuris la filmon, kaj kial? Kial ne kredi al la reĝisoro, ke ĉio kion li faris kreas unuturan, neripeteblan, neŝanĝeblan kaj nerompeblan artan integron? Ĉu ni esperantistoj povas konsideri nin pli kompetentaj ol la kreintoj kaj decidi kio en la verko estas bezonata aŭ ne?

Aŭ eble la 101-jaraĝa Esperana kulturo estas ankoraŭ tro juna por rigardi pli aŭdacajn scenojn?

*Redakcia noto: La necenzurita Mefisto aĉeteblas en la Libroservo — kune kun multe da aliaj interesaj aferoj (se vi ankoraŭ ne plene profitis ĝin dum la kongreso).*

### SURPRIZA KONCERTO

Kio do okazas en la Esperanto-movado? Mi kutimas pensi pri ĝi kiel aro da homoj kun aliaj interesoj ol ĵazo. Do mi lastminute eniris salonon Zamenhof, kie estis koncertonta la 15-kapa Nederlanda Ĵazorkestro de Henk Meutgeert, en la supozo ke mi trovos maksimume du benkovicojn da spektantoj. Sed surprizo: homoj tra la tuta salonego! Kompreneble ne tiom kiom ĉe la Solena Inaŭguro, sed tute eksterproporcie. Kaj tute prave: tiuj muzikistoj kapablis eĉ entuziasmigi tiujn kiuj malŝate rilatas al ĵazo, kiel tu konfesis.

Antaŭ la paŭzo muziko de "la Duko Ellington", tiel diris al ni la diriganto en klare komprenebla Esperanto. Li sekvis rapidkurson de kvaronhoro ĉe nia art-LKKano Wouter Pilger, kiu cetere ne nur havis bonan lernanton sed ankaŭ faris prudentan lakspertan elekton per la enprogramigo de ĉi tiu orkestro. Speciale impresis min la virtuozaj interludoj de la du amplifitaj gitaristoj, tute ekster la tradicia bandega stilo de tu Count Basie aŭ Thad Jones. Post la paŭzo oni ludis longan kompozicion "Vojaĝo de vilaĝano" de la diriganto mem, kio al mi ankoraŭ pli plaĉis ol la konataj melodioj de Ellington.

Se vi sur la unua benkovico rimarkis dormantan Centra-Oficejiston, sciu ke tio estas atribuebla pli al dumnokta laboro ol al dormiga efiko de la muziko.

# KONGRESA KURIERO, KVINA NUMERO (VENDREDO)

## JURISTA ORGANIZAĴO RESTARIGOTA

Mardon la 26-an okazis kunveno de proksimume 25 personoj interesitaj pri juro. La unuanima decido de la grupo estas oficiale starigi novan organizaĵon ĉe la venonta UK en Brajtono. Ses grupoj da laborantoj formiĝis: 1) terminologio; 2) praktikaj servoj; 3) kolektado kaj represado de longaj studoj; 4) novaj letero; 5) bibliografio de verkoj pri juro en Esperanto; kaj 6) nomo, konstitucio, kaj statuto de la nova organizaĵo.

La ĝenerala kontaktpersono por la nova grupo estas John Dale, 2251 Pimmit Drive, n. 730, Falls Church, Virginia 22042-2822, Usono; telefono 703-749-2999 laboreje, kaj 703-821-6623 hejme. Ĉiu interesito estas bonkore invitita skribi aŭ telefoni pri la nova organizaĵo al s-ro Dale.

## LANDAJ PERANTOJ KAJ UEA-OFICISTOJ KUNSIDAS

Mardon en la Centra Oficejo de UEA kunsidis perantoj de UEA en Jugoslavio, Usono, Svislando, FR Germanio, Hispanio, Kanado, Irano kaj Nederlando, sub la gvidado de Neil Salvesen, direktoro de la Centra Oficejo de UEA. Plifirmigo de informinterŝanĝo estis ĉeftemo, kvankam la kunsido ankaŭ traktis libroservajn aferojn, librotenadon de UEA (kiu cetere estis laŭdita pro lastatempaj pliboniĝoj) kaj la gravan kaj daŭran bezonon de rapida respondo flanke de UEA al korespondaĵoj el la landaj asocioj kaj ĉefdelegitoj.

Direktoro Salvesen klarigis la rolon de la aktualaj stabanoj ĉe UEA, kaj rimarkigis la baldaŭan alvenon de la nova konstanta kongresa sekretario, Nikola Raŝić. Intima, pozitiva kaj honesta interŝanĝo de opinioj rezultigis kontentigan uzon de la horo dediĉita al la kunsido. La sola bedaŭro estas ke tiom da perantoj mankis.

## NORDIA KUNLABORO

Reprezentantoj de nordiaj E-asocioj kunvenis ĵaŭdon dum horo kaj duono. Ĉeestis el Islando Hallgrimur Saemundsson, el Danlando Tove Bak, el Svedio Karin Lindquist kaj Martha Andréasson, el Finnlando Heta Kesälä. La kunveno diskutis pri la nuna situacio en siaj landoj, ĉefe koncerne informadon kaj instruadon, kaj pri planoj pr estonta kunlaboro. La kunveno proponos al la nordiaj landaj asocioj elekti po du personojn por kunlabora komisiono.

---

Kontrolu kaj profitu la specialajn

**KONGRESAJN PREZOJN**

por la jenaj titoloj en la kongresa Libroservo:

*Jubileo — jarcento de Esperanto*
Mark Fettes, red.

*La danĝera lingvo*
Ulrich Lins

*Laŭdo de l'stulteco*
Erasmo, trad. Gerrit Berveling

*Esperanto — lingvo, literaturo, movado*
Pierre Janton

*Esperanta Bildvortaro*
Rüdiger Eichholz

*Infoduktoj — nova vorto, nova futuro*
Luc De Brabandere

*La fenomeno Esperanto*
William Auld

kaj *Stafeto*-libroj
de Juan Regulo-Pérez

Libroservo malfermas vendredon, 9h00-18h00 kaj sabaton, 8h00-10h00 kaj 12h00-17h00

---

## KUNVENO DE LIGO INTERNACIA DE BLINDAJ ESPERANTISTOJ

Entute 35 esperantistoj, el kiuj 16 vidhandikapitaj, el 15 landoj en Eŭropo, Nord-Ameriko kaj Azio ĉeestis la lundan kunvenon de LIBE. Post klarigo pri la agado de la organizaĵo fare de la vicprezidanto s-ro John Wells, sekvis prezento de la longa historio de la revuo *Esperanta ligilo*, jam de 30 jaroj redaktata de s-ro Raymond Gonin (Francio). La financajn problemojn, pro granda legantaro en netranspagipovaj landoj ĝis nun kompensas malavaraj donacantoj, laŭ la informoj kiujn prezentis la kasistino Nora Reinders. Ŝi substrekis la gravecon de Fondaĵo Eroŝenko, kiu havigas librojn al tiaj nepagipovaj landoj. Malnova Libroservo, prizorgata de la nova estrarano Luigi Tola (Italio) rikoltas pli da petoj ol da brajlaj libroj. Tamen nepetitajn librojn s-ro Tola donacas al bibliotekoj, ankaŭ por atentigi ilin pri Esperanto.

Lastatempe aperis katalogo de la kelkcenttitola Esperanto-kolekto de la Manĉestra brajlo-biblioteko. Simila el Nederlando estas plu atendata.

La UK-anoj ĝenerale kontentis pri la brajla programo kiun la UK farigis per la blindula biblioteko en Nimego, pri la surkaseda eldono de la Dua Bulteno kaj la Kongresa Libro, kaj pri la planoj de la kongresejo kun brajla klarigo ĉe la Informejo.

Komuna vojaĝo al la 56-a IKBE startos en la Centra Stacidomo de Roterdamo sabate je la 13h33.

## FERVOJISTA FAKTAGO

La 28-an de julio okazis la fervojista kontaktkunveno, kun partopreno de 80 personoj el 18 landoj. La ĉeestantoj aŭskultis raporton pri la 40-a IFEF kongreso, okazinta en Francio, en la urbo Perpignan. Poste sekvis fakaj prelegoj. Interalie s-ro Bultman (Nederlando) parolis detale pri la plano konstrui tri kilometrojn longan subteran tunelon en Roterdamo, por plifaciligi la enurban trafikon.

Post la sukcesa kontaktkunveno, la partoprenantoj komune iris al la stacidomo Blaak, kie ili vizitis ekspozicion pri la planita konstrulaboro de la tunelo. Speciala trajno portis ilin al la roterdama haveno, kie la ĉeestantoj ricevis abundan impreson pri la ĉiutaga laboro de fervojistoj kun la haveno.

## TRIDEK-LANDA KUNSIDO

Dudek ok landaj respondeculoj kunvenis el la asocioj ligitaj al UEA; ilin akompanis du neligitaj reprezentantoj. Kvin aziaj landoj, kvin amerikaj landoj, kaj dudek eŭropaj landoj estis reprezentitaj. Ili decidis ekde nun produkti samskizan agadraporton ĉiujare por UEA. Ili pristudis labordokumenton, kiu estis la kompilo de ĉies proponoj por la strategio de UEA. La selektitaj ideoj ĉefe rilatis al reklamado (televido kaj informiloj), al turismo kiel la morgaŭa monforto por la varbado, al la reaktivigo de regulaj mesaĝoj al la grandaj novaj-agentejoj. Ili forte subtenis la kontinentajn laborkunvenojn organizitajn dum tiu ĉi kongreso. Por ĉiuj apartaj esploroj por la estonta periodo, definitaj respondeculoj estis selektitaj.

## BAHAANOJ AKTIVAS

La membraro de BEL (Bahaa Esperanto-Ligo) en la pasintaj du jaroj tiel mirinde kreskis, ke ĉi-jare BEL povas aktive partopreni en multaj aranĝoj de la UK. BEL aparte ĝojas, ke pro ĝia instigo la Internacia Bahaa Komunumo kontribuas per donaco de konsiderinda monsumo al la realigo de la Monda Esperanto-Centro en Bialistoko.

Mardon BEL okazigis sian unuan prelegon en la 73-a UK, en kiu s-ro Luc Feidangai el Centrafrika Respubliko parolis pri la temo "Aŭroro de nova civilizacio". Ni atentigas pri nia dua prelego okazonta vendredon je la 16h30 en salono Lapenna, kiu konigos al la kongresanoj la plej novan bahaan templon, finkonstruitan antaŭ ĉ. unu jaro proksime de Novdelhio (Baratio), unu el la plej belaj konstruaĵoj de la mondo.

## ALIAJ FAKKUNSIDOJ

La Ligo de Samseksamaj Geesperantistoj kunsidis merkredon vespere por sia jarkunveno en la roterdama gej-centro. La ĉefa rezolucio estis, ke en venontaj UK-oj okazu publika prelego pri la Ligo aldone al la jarkunsido ekstere.

Al la Kuriero venis ankaŭ raportoj pri la kunvenoj de Internacia Komerca kaj Ekonomia Fakgrupo, kaj de Universala Medicina Esperanto-Asocio (kiu festas sian 80-jariĝon). Notindas, ke ambaŭ kunvenoj traktis ĉefe la terminologian agadon.

# Novaj aliĝoj

"Estimataj Sinjoroj! Kial vi ne publikigis n-rojn 2200-2209? Vi promesis tion en la Bulteno 'CO'-2!" Efektive, ni promesis ilian aperon en "venonta numero", kaj tutkonscie ne en "*la* venonta numero". Sed jen, finfine, la kompletigo de la listo. Aliĝis entute pli ol 2 300 kongresanoj ĉi-jare en Roterdamo. Ni resalutas vin ĉiujn, kaj esperas revidi vin ĉiujn ĉe la bela marbordo en Brajtono venontjare. Aliĝu nun!

2200 Grimaldi, S-ro Francesco. Via Dante Alighiere 12, I-95041 Caltagirone, Italio.
2201 Margarone. S-ro Salvatore. Via Ciancio 10, I-95041 Caltagirone, Italio.
2202 Randazzini, S-ino Enza. C.P. 227, I-95041 Caltagirone, Italio.
2203 Bourdon, S-ro Louis. 7, avenue Salonion, 59800 Lille, Francio.
2204 Dehoux, S-ro Geert. Belgio.
2205 Olds, S-ino Beverly. Punstr. 15B, 3025 GA Rotterdam, Nederlando.
2206 Diehl, S-ino Eva. Schwarzwaldstr. 47, 68 Mannheim 1, FR Germanio.
2207 Gnomo, S-ro. Lage Naarderweg 6, 1211 AA Hilversum, Nederlando.
2208 Pulver, S-ro Norbert. Leipzigerstr. 1, 6369 Schoeneck, Germanio.
2209 Bénichou, S-ino Francine. 1, Square ch. M. Wider, 1040 Bruxelles, Belgio.
2293 Den Draak, S-ro Arie. Nederlando.
2294 Den Draak, S-ro Huibert. Nederlando.
2295 Bertaggia, S-ro Giulio. Via Sorio 84 bis, 35151 Padova, Italio.
2296 Sidorowicz, S-ro Edmund. Swierczewskiego 82ᵃm.22, PL-01003 Varsovio, Pollando.
2297 Seidemann, S-ro Eriko. Sudwesthang 5, 8027 Dresden, Germana DR.
2298 Ritamäki, S-ino Anna Margareta. Källkuller, SR-25700 Kimito, Finnlando.
2299 Hoffman, S-ro Scott. 297 Laws Brook Road, Concord, Massachusetts 01742, Usono.
2300 Hall, S-ro Adrian Neilson. 33/12 Meadow Crescent, Meadowbank 2114 NSW, Aŭstralio.
2301 Iguĉi, S-ino Micuko. 1-23-12 Fuĝimidai Nerima, Tokio, Japanio.
2302 Iguĉi, S-ro Fujuki. 1-23-12 Fuĝimidai Nerima, Tokio, Japanio.
2303 Sperber, S-ro. Belgio.
2304 Zlatnar, S-ino Marija. Celovska 145a, 61000 Ljubljana, Jugoslavio.
2305 Keitel, S-ino Anke. Gutshof Waldschwind, 8602 Rauhenebrach, FR Germanio.
2306 Tungli, S-ino Zsuzsanna. Szamuely u. 19. I. 1., 1093 Budapest, Hungario.
2307 Matte, S-ro Aleksandro. 7083 Notre Dame, Orleans, Ontario, Kanado.
2308 Matte, S-ino Arianne. 7083 Notre Dame, Orleans, Ontario, Kanado.
2309 Varro, S-ro Attila. Gacs Laszlo ut 21, H-1041 Budapest, Hungario.
2310 Staneshnikova, S-ro Galina Feodorovna. Sumskoj projezel domo N27, loĝ. 109, 113525 Moskvo, Sovetio.
2311 Puhova, S-ino Elena Tarjevna. Pluŝiha domo N42, loĝ. 70, 119121 Moskvo, Sovetio.
2312 Lowe, S-ro Tony. Anglio.
2313 De Vries, S-ro Arjen-Sjoerd. De Bongerd 8, 9801 As Zuidhorn, Nederlando.
2314 Sato, S-ino Kazuko. 3-11-20-205 Asagaya Minami Suginami, Tokio, Japanio.
2315 Kovačević J., Radiŝa. Str. Kosovska n-ro 1, YU-36103 Krlevo, Jugoslavio.
2316 Ertl, S-ro Krisztina. Kecskemeti u.13, 1053 Budapest, Hungario.
2317 Cwiek, Miroslaw. ul Toporowskiego 81/38, 25-549 Kielce, Pollando.
2318 Ertl, S-ro István. Kecskemeti u.13, 1053 Budapest, Hungario.
2319 Fantom, S-ro Ian. 92 Enborne Road, Newbury, Berks. RG 14 6AN, Anglio.

## ANONCETOJ